Va JARO — No 60 6 paĝoj : 6 SPESDEKOJ (15 CENTIMOJ) 10 AŬGUSTO 1909

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO
ara abono 1,60 ₷ (4 frankoj)
a abonoj komenciĝas de la
de ĉiu monato. Oni akceptas
unujarajn abonojn. Oni
nos ĉe la Administrejo, Es-
ranto-Oficejoj kaj lokaj Agen-

Redaktejo & Administrejo :
rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

REKLAMO
1 paĝo ...... 160 ₷ (400 fr.)
1 kolono ..... 32 » ( 80 fr.)
1/2 » .... 16 » ( 40 fr.)
1/4 » .... 8 » ( 20 fr.)
1/8 » .... 4 » ( 10 fr.)
1/16 » .... 2 » ( 5 fr.)
25 % por 12 anoncoj : 50 % por 24 anoncoj

Generalaj Agentoj : Presejo U. E. A., *Chalon-s-Saône* (Francujo); G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris*; C.-A.-G. Browne, 51, Wych Str., *London*, W. C. Koetz, Bathausstr., *Leipzig*.

## [G]RAVA INFORMO

### — Lasta hore —

Pro la lastatempaj okazintajoj en [Ba]rcelono, la Organiza Komitato de [la] Kongresoj kunvenis en Parizo la [..] de Aŭgusto por ekzameni la si[tu]acion de la Va Kongreso. Ĝi ricevis [de] la loka organizantaro telegramon [laŭ] kiu, oni informos ke Barcelono [est]as tute trankvila kaj ĉiuj [lab]oras laboradi, konvinkitaj pri la [suk]ceso de la kvina. Konsekvence, [kon]siderante tiujn trankviligojn no[vaj]ojn kaj la sukcesajn klopodojn [lok]ajn pri tio ĉe la Hispana regis[tar]o en la nomo de la organizantaro, [la] Komitato konsideras, ke la Kon[gre]so nepre povas resti en Barce[lon]o kaj alvokas ĉiujn samideanojn, [ke] ili veturu kiel eble plej multaj al [la] Kongresurbo, kie ilin atendos plej [bel]a kaj triumfa akcepto.

[V]ivu la kvina Kongreso ! Ĉiuj al [Bar]celono !

*[..]aj legantoj estas petataj diskonigi la [su]pran informon.*

*[S-r]o Privat, prezidanto de la Internacia [Inst]ituto de Esperanto, informas nin, ke la [kur]sa semajno, priskribita ĉi-sube, okazos [en] Barcelono. La konata Abato Guinart, el [..]lacia, faros tie kurson pri hispanaj [..] kaj kutimoj.*

## [E]speranto-Universitato

[Ja]m de longe revis multaj esperantistoj [pr]i Esperanto-Universitato en somero, [..]ermebla al ĉiunaciaj kaj ĉiuaĝaj ges[amide]anoj.

[Ĝi] komenceton de tiu revo ekrealigos la [Inte]rnacia Instituto de Esperanto tiun ĉi [som]eron en Barcelono. Por la antaŭ[k]ongresa semajno (28 Aŭg.-4 Sept.) [ĝi orga]nizas serion da kursoj farotaj tute en [Espe]ranto de lertfamaj samideanoj.

[Tiuj] kursoj estos dediĉataj ne nur al [..] samideanoj, kiuj deziras prepariĝi por [..]ruadi nian lingvon, provi ekzamenon [aŭ s]imple akiri pli perfektan konon de nia [lingv]o, sed ankaŭ al tiuj, kiuj deziras ins[trui] pri hispanaj moroj kaj artoj, detale [koni l]a urbon Barcelono kaj ĝui la plezuron [de k]onajn Esperanto-parolantojn.

[La] Instituto klopodos loĝigi ĉiujn ler[nantojn] laŭplaĉe en sama hotelo aŭ pen[sion]e tiamaniere, ke ili povu ĉiam manĝi [ĉe la] sama tablo kaj profite ekzerci inter[paro]ladon en Esperanto.

[De] lundo (28 Aŭg.) al sabato (4 Sept.) [okaz]os kvar kursoj ĉiumatene kaj du ĉiu [vespe]re. La posttagmezon oni laŭvole [uzos] por ekzercoj aŭ por vizitado de l'ur[bo kaj] afabla gvidado de Barcelonaj sa[mide]anoj.

[La] ses ĉiutagaj kursoj estos pri : 1a Ling[vaj] demandoj ; 2a Esperanta stilo ; [3a H]istorio kaj organizajoj de Esperantis[mo] ; 4a Esperantaj parolarto kaj dekla[mado] ; 5a Instruaj metodoj ; 6a Hispanaj [moroj] kaj kutimoj.

[Por] la ekzercaj laboroj ekzistos tri sek[cioj :] *a)* Lingva sekcio direktota de Prof. [..] ; *b)* Esperantia sekcio direktota de [S-ro] Hodler ; *c)* Hispanarta kaj urbvizita [sekcio] kun afabla helpo de So Pujula, [tiel ke] ĉiu, laŭ sia lernanto povu, se li [volas], partopreni ĉiujn sekciojn.

[La] detalan programon vidu en tiu ĉi [n-ro de] « Esperanto » kaj sur venontaj Noj. [En la] programo oni trovos la klarigojn [..], kosto k. t. p.

[..] ebligi al pli multaj samideanoj par-toprenon en tiu kursa semajno, la Instituto malaltigis la prezon de la karto ĝis sumo ĝuste sufiĉa por pagi ĉiujn elspezojn, se venos kontentiga nombro da lernantoj.

Profitu do la okazon multaj esperantistoj kaj venu pasigi antaŭ la bela Kongreso ĉarman semajnon de agrabla kunvivado kun diverslandaj samideanoj.

Ĉar Barcelono sidas *ĉe l'bordo de l'maro*, ĝi havas tre bonan *klimaton, malte pli malvarmetan ol povas kredi ne informitaj*. La gvidlibreto antaŭ nelonge dissendita al la esperantistaro certigas ke la temperaturo tie neniam superas 25o en somero.

Ne nur ĉe la kursoj lernos la partoprenantoj sed ankaŭ dum ĉiuj posttagmezoj per interesaj konversacioj kun eminentuloj. Dum tiu semajno oni povos fari al ili demandojn kaj diskuti pri ia aŭ alia nekomprenita punkto, unuvorte trankvile interparoladi kun ili, kio estas dum la Kongreso mem tre malfacila (kaj ofte por ili tre teda !)

La Barcelonaj aŭtoritatoj kaj la fervoraj organizantoj de nia Kvina Kongreso tre afable promesis fari ĉion eblan por prepari al la Instituto belan kaj komfortan sidejon por ĝiaj kursoj. Ni deziras ilin tre kore danki kaj tute speciale S-ron Fred. Pujula, kiu estas al ni tiel kompleza malgraŭ la granda organiza loboro, kiu nun okupas lian tutan tempon.

La lastan tagon de l'kursa semajno, sabaton 4an de Septembro, okazos ekzamenoj (*ne devigaj*) por diplomoj IIa kaj IIIa de l'Instituto. Disdonado de l'diplomoj okazos dum la Kongreso ĉe la solena publika kunveno de l'Instituto, mardon matene 7an de Septembro, post la kunveno de U. E. A.

Ĉe tiu solena kunveno la Instituto definive fondiĝos, ne plu kiel privata entrepreno, sed kiel de nun publika esperantista asocio.

Ni kore esperas ke nian semajnan kursaron ĉeestos multaj ĉiulandaj gesamideanoj por profiti utilegan okazon. Se tiu komenca provo bone sukcesos, ĝi ebligos al la Instituto fari pli grandiozajn planojn por pli plena realigo en sekvantaj someroj de la tiom revita Esperanto-Universitato.

Edmond Privat.

# SOCIA VIVO

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Internacia Sociologia Kongreso en Bern

#### Frateco aŭ solidareco

En la svisa ĉefurbo malfermiĝis la 20. Julio la 7a Interna ia Sociologia Kongreso. La precipa demando estis pri socia solidareco. S-ro barono Garofalo prezidanto de la Sociologia Instituto Internacia kaj de la kongreso faris tre rimarkindan inaŭguran paroladon pri la ideo de solidareco. Et ĝi ni eltiras la jenajn ekstraktojn :

« La ideo de solidareco anstataŭ's la ideon de frateco. Tiun vorton frateco oni senutile elparoladis de la komenco de nia tempokalkulo, antaŭ dudek jarcentoj kaj senutile ĝin gravuris sur la monumentojn de Parizo kaj tuta Francujo. Sendube ŝobla estis tiu penso kaj dankema al Francujo devas esti la homaro, ke ĝi kun memforgeso volis el ĉiuj homoj fari unu solan familion, farante pluan paŝon ol Romo, nia granda prapatrujo..... Malfeliĉe, iluzio ĝi estis. La vorto frateco, per la vorto egaleco ligita al ĝi, povos iam esprimi socian realajon. Ĝi esprimas nur sentimentan inklinon, riceveblan de poeto, ne de sociologo.... La ideo de solidareco estas io alia kaj multe pli serioza. Unue, ĝi ne fondas sin al ĉiutaga aksiomo ; ĝi ne fondas sin al homan naturon ; ĝi kontraŭ[st]aras nek individualistojn, nek socialist[ojn] ; ĝi samtempe esprimas la lastan etapon antaŭvideblan de la socia progreso kaj la r[i]medon por ĝin atingi ; ĝi tiel same rilatas al individuoj inter si kiel al nacioj. Neniu diras ke la universala solidareco estas neatingebla ; male, el ĉiuj flankoj ni havas montreblajn signojn pri tiu nova direkto, kiun eksekvas la homaro.

«... Ĉiutage la internaciaj komunikoj fariĝas plifaciligaj, malpli malhelpitaj de la doganoj. Dum vojaĝo oni preskaŭ senatente trapasas de lando al alia. Oni sentas sin libera tiel en la fremdlando kiel en la hejmolando. Malfeliĉego, kaŭzita de la naturaj fortoj, kortuŝas ĉiajn landojn, ĉe la plej malproksimajo, kaj ili rapidas organizi ĉiuspecajn helpojn. Nere zistebla estas tiu alproksimiĝemo inter la civilizitaj nacioj ; ĝi jam ne haltos.

« Grandaj baroj ankoraŭ malhelpas politikan kuniĝon de la Europaj regnoj. Sed tiuj malhelpoj estas venkeblaj, tiel same kiel venkeblaj ili estis por malgrandaj grupiĝoj kiaj nun formas konfederaciojn. Tiun Svisujon, kie ni nun estas, ni admiras ne nur ĉar ĝi estas nature bela lando, sed pro la ekzemplo kiun ĝi donas : la diversraseco, la diversling veco, la diversreligieco ne malhelpis, ke ĝi fariĝis unuiĝita nacio. Tio sama okazos al tuta Europo, ni esperas, post tempo eble pli proksima ol oni pensas... » [klap]

Aliaj laboroj estis prezentitaj pri « Origino kaj evolucio de la ideo de solidareco », « La rilatoj de la socia solidareco kaj religia evolucio », « La socia solidareco en Francujo, Anglujo, Italujo, k. a.

A. R.

### La Pafistoj alkuras al Hamburgo ;

#### Kelkaj festaj impresoj

Dum la lastaj semajnoj la hamburganoj vivis preskaŭ en deliro. Ili vidis inter siaj muroj pli ol kvin mil pafistojn, kiuj venis ne nur el germanaj landoj, sed ankaŭ el Aŭstrio, el Serbujo, Italujo, Svisujo, Francujo, Belgujo, Holando, Danujo, Argentinio, Usono, por montri sian arton. Jen vere internacia societo, al kiu bedaŭrinde mankis la sola internacia komprenilo, Esperanto. Ni vidis neniun pafiston ornamitan de la verda stelo.

Ĉe la festeno donita de la urbo al la eksterlandaj pafistoj la urbestro faris paroladon kun tute esperantisma senco. Li laŭdis la arangon de internacia vetpafado, ĉar ĝi estas bona okazo por interamikiĝi. La komuna laboro kaj la paca vetbatalo estas ligiloj kunigantaj la popolojn kaj la korojn.

La venkintoj de la internacia vetpafado estis la Svisoj ; la Francoj gajnis la duan premion. La vetbatalo kun pafiletoj vidis la Germanojn kiel venkantojn.

Grandioza estis la festa procesio, kiu kondukis la pafistan irantaron, intermiksitan kun historiaj grupoj el la evolucio de la urbo Hamburgo, tra la belege ornamitaj stratoj. En la trapasotaj stratoj la hamburga loĝantaro, plimultigita per sennombraj eksterurbanoj alveturintaj, akceptis la pafistojn per ĝojega kriado, superŝutante ilin per floroj. La festejo estis starigita sur vasta kampo preskaŭ en la mezo de la urbego. Ni kredis vidi pentrindan urbeton el la mezepoko, ĉar ĉiuj konstruaĵoj de la invitanta havenego ĝis la granda festhalo kaj la bonodorelfluiganta kolbasdometo (Bratwurstglœckle) estis faritaj laŭ la sama artista stilo, memorigata ekzemple pri la fama malnova urbeto Rotenburg apud Tauber.

Jam en la antaŭsemajno montriĝis sur la festejo vivega popola gajeco. Car la Bavaranoj estas konataj kiel ĉiam soifantaj kaj gajaj oni provis enplanti la bavaran vivarton en la bierejojn per veraj munhenaj kelneri̇noj, per vera (tre kara) munhena biero, per veraj Nurembergaj rostkolbasetoj (malfeliĉe tro etaj por satigo) kun brasiko, kaj per muzikistoj el la bavara supralando La gajaj muzikpecoj kaj popolkantoj provis elikon sur la bonhumoron kaj la trinkemon de la vizitantoj, tial ĉie regadis ĝojo kaj bruado, kaj la grandega tendo estis ĉiam troplenigita.

Nature ne mankis la konataj ĉiuspecaj amuziĝiloj, kiuj liveris bonegan enspezon al siaj posedantoj. En la granda festhalo entenanta 6.000 personojn oni aŭdis belajn muzik-kaj kantkoncertojn kaj vidis festoteatrajojn kaj gimnastikajn prezentadojn.

Oni povas juĝi pri la amuzemo de la hamburga loĝantaro, se mi citas la fakton, ke dum kelkaj belaj tagoj la nombro de la vizitantoj atingis la altecon de 140,000. Tiamaniere kontenteco regis ĉiuflanke, escepte ĉe la neraflataj pafistoj kaj ĉe la kelkaj malsukcesplenaj spekulemaj entreprenistoj.

Nur dum unu el la lastaj tagoj malfeliĉa okazintajo jetis malluman ombron sur la humoron de la festantoj kaj plenigis je funebro la korojn de du familioj. Per nekomprenebla kaŭzo la pafilo de unu pafisto falis teren, sensangiĝis kaj mortigis najbaran pafiston

Pesimistoj kaj malkontentuloj multe insultas tiajn gajajn popolfestojn, ĉar ili delogas kelkajn homojn al malŝparemo kaj diboĉo. Sed oni pripensu, ke la popolo laborema dum la tuta semajno ankaŭ bezonas amuzajojn kaj distrajojn por plenigi la animojn je nova vivĝojo naskanta novan vivforton kaj laboremon.

V. (Del. Hamburg).

## ARTO

### La dimanĉaj ekskursoj de la Bolonjaj Esperantistoj

#### La preĝejo de Sankta Vitoro

Sekve de la kurso de Esperanto farita de la Subdel de U. E. A. la lernantoj starigis privatan rondeton de geamikoj dank'al Esperanto, kiu antaŭanoncas la formadon de pli ampleksa klubo.

La membroj por ekzerci sin en la parolado, kaj samtempe amuzi kaj sin instrui, decidis fari ĉiudimanĉe promenadon al la ĉirkaŭajoj de la urbo, kaj, se la vetero ne estos bona, viziti la muzeojn kaj aliajn urbajn notindajojn.

La unua promenado celis la preĝejeton kaj la dependan monaĥejon (ne loĝatan nuntempe de la eklezioloj) de Sankta Vitoro.

Ĝi estis ermitejo de la Leteranaj Kanonikoj jam memorigita en la VI jarcento. La preĝejeto, de la XI jarcento, restis tre konservita ĝis kelkaj jaroj antaŭe, havante kuriozan strukturon kun, flanke, monaĥejo de primitiva romana stilo verŝajne de la XI jarcento. La laboroj por la fortikigo bedaŭrinde difektigis tiun ĉi artan kaj historian juvelon. S-ro Gozzadini diras, ke ne estas komprenebla la forgeson pri ĉi tiu konstruajo kiu estas samtempa kun la rekonstruajo de la fama sepobla preĝejo de S-ta Stefano en Bolonjo. Nuntempe la fortikajoj de la preĝejo de la militistoj, pro la ĉiam ŝanĝantaj opinioj de la militistoj, ŝajnas kvazaŭ tute forlasitaj kaj la kazerno estas jam de longe tute dezertigita.

Ĉiu regiono havas en Italujo oficon por la konservado de la artaj monumentoj sed antaŭ la militistaj postuloj ĉiuj aliaj rajtoj devas kutime silenti kaj klini la kapon. Efektive sur la montoj estis granda spaco por konstrui kazernojn, kaj oni povus lasi en paco tiun artan kaj religian manifestacion kiun respektis tiom de jarcentoj. La muroj primitivaj de la preĝejeto estas ankoraŭ bone videblaj ĉe la flanko de la monaĥejeto. La ornamo estas el kuiritaj kaheloj flavaj kaj ruĝaj en formo de trianguloj kun gutoj kiuj prezentas monstraĉojn. Interne la preĝejo estis dividita en tri etaĝoj kaj partoj kies nun restas nur du. En la unuan eniradis nur la popolo, la dua, aŭ horejo, estis rezervita al la monaĥoj kiuj kantadis la psalmojn, kaj la tria aŭ sanktejo, enfermadis la altaron.

Dika muro formadis apartigon inter la spaco dediĉita al la popolo kaj la horejo. La muro laŭlarĝe la preĝejo ne atingas la plafonon, sed je la alto de 4 m. al la pavimo, ĝi estas malfermita per logio je romanika stilo kun 8 duonrondaj arkajoj subtenataj de duopigitaj kolonoj.

En la mezo de la muro ekzistas pordo per kiu oni eniras en la horejon suprenirinte ŝtuparon. La popolo do ne vidadis la diajn servojn sed nur ilin aŭdadis tra la alta kaj mistera galerio kun kolonetoj kaj arkajetoj.

En la horejo la kanonikseĝoj estas ordigitaj laŭlonge la flankaj muroj. Ili estas skulptitaj laŭ gotika stilo de la XV jarcento. La dato 1047 eble estis kopiita de la antaŭa seĝaro. Sur la pordo, en la horejo ekzistas bizantina fresko prezentanta sanktan Vitoron kun la klamido kaj portanta standardon en la mano.

La bedaŭrindaj militistaj konstruajoj detruis la sanktejon kiu havis formon de apsido. Ni ne scias vidi la altaron kiu laŭ la gvidlibro de Gozzadini ŝajnis konservita ankaŭ post la ruinigaj laboroj. Ĝi konsistis el granda rektangula ŝtono subtenita de kvar oktanguläj kolonetoj kun kalikoformaj kapiteloj de romanika stilo. En la centro, kvina kvarangula kolono maldikigita, subtenas la tenejon de la sanktaj restajoj. La monaĥejo flanke de la preĝejo, same difektita de la sentaŭgaj laboroj, estas tamen ekvidebla, kaj ne estas tute perdita la espero kaj la ebleco de ĝin restarigo en la unuan formon. La belaj loĝioj de la malgrandega konstruajo estas subtenataj per duopigitaj marmoraj kolonoj. En la centro ekzistas ankoraŭ la puto sur kies ringo oni legas la daton 1066 kiu montras verŝajne fondajaron de la monaĥejo. La ekskursantoj lasis tiun artan juvelon malprave forgesitan eble ĉar ĝi kuŝas tri kvaronojn da vojiro malproksime de la urbo esprimante la deziron ke ĝi estu restarigata kiel eble plej bone kiel la primitiva ŝajno.

La dua promenado de la Bolonjaj Esperantistoj atingis unue la Palacon Aldini, kiu estis konstruita en la jaroj 1811-1816 de Groffo Antono Aldini, ministro de Napoleono, sur la suprajo de la monto kiu senpere superregas la urbon, ĉar la imperiestro diris ke li tie oni ĝuadis unu el la plej belaj vidpunktoj de la tute mondo. Kaj ni tuj konvinkiĝis ke la granda Korsano estis tute prava.

La palaco estas je jonika stilo kaj vidata je malproksime, ekzemple de iu punkto de la sub[..]ta urbo, donas ŝajnon de trankvila greka preĝo kiu memorigas kvazaŭ Akropolon.

Ankaŭ la fasado de la palaco estas sufiĉe vasta herbejo sur kiu superregas la portiko de la palaco. Kia bela loko por festenmanĝo en plena aero ! La palaco nun apartenas al la urbo kaj estas kvazaŭ tute forlasita.

Sur la sama monteto kuŝas la preĝejo de S-ta Paolo en Monto kun aneksita monaĥejo ankaŭ nuntempe loĝata. La preĝejo ne estas antikva kvankam ĝi stariĝas sur la fundamentoj de alia antaŭekzistanta ; tamen ĝi entenas iujn pentrajojn de lertaj pentristoj.

La monaĥoj montras madonon kiun ili diras, pentritan de Sankta Bernardino el Sieno. En ekstera kapelo dekstre de la preĝejo estas videblaj du statuoj el kuirita tero prezentantaj S-tan Petron de Alkantara kaj lun lian kunulon. Aliaj similaj statuoj ekzistas en la pordego kaj en la ĝardeno de la monaĥejo.

En la preĝejo kaj en la monaĥejo ni havis la doloron konstati kiom la nuntempa religia arto estas kompatinda kaj mizera kompare kun la arto de la pasintaj jarcentoj. Nun ornamajoj el orumita kaj arĝentita papero kaj floroj el tukoj aŭ ĉifonoj ; tiam daŭraj laboroj de tia arto el mozaiko, el marmoroj, el malmolegaj ŝtonoj, el kuirita tero !

A. Tellini (Subdel. Bologna).

## AERVETURADO

### Aerveturada semajno de Vichy

#### La Revenĝo de l'ĉielo

La 25an de Julio, la instruo aerveturada semajno de Vichy finiĝis. Ĝi estis, por la sciemularo, kiu sekvadis la konkursojn, bonega kutimigo al aeraj aferoj.

La unuan tagon, dimanĉo, 18a, oni — nervozuloj kaj furiozuloj ribelantaj, intencantaj ĉiom disjeti — oni eklernis, ke aeroplano ne ekforiras, antaŭ determinita horo, kiel ĉevalo, biciklet o, aŭ azeno. Pagintaj, post tuta posttagmezo atendado vana, la plimultaj revenis, nenion vidinte... Ĉar Tissandier povis ekflugi nur malfrue. Tiuj, kiuj prokrastis sian vespermanĝon, solaj sentis tre fortan kortuŝon, vidi aeroforiron de la artefarita birdo : la biplano (sistemo Wright) rimarkinda pro la facileco de fleksebla foriro, kaj alteriĝo, cetere, baldaŭ haltis.

Lundo. — S-ro Tissandier provas eliri, kun unu gasto ; malmultaj metroj.

Tria tago, interesa. Vespere, Tissandier, majestece glitinta sur siaj reloj, antaŭensaltas, admirinde firma kaj regula, plenumas kvin turnojn.

Merkredon, Tissandier flugadas 56' 32" 2/5. Unue, li celas premion de « transpaso de Allier : 3' 1" 2/5 Poste, premion de postsiĝorutno : 2' 3/5. Li daŭrigas por « granda premio de Vichy » : 12 turnoj, 23' 29". Kaj li ankoraŭ flugadas, ŝvebante de 8 ĝis 15 metroj de alteco. La rigardantoj ne laciĝas admiri... riskante nukdoloron ! Ĉu tiu fluganto neniam alteriĝos ? — Fine li tre malpeze lasas ĉielon, kaj inter ni revenis.

Jaŭdo. — Sensacia tago ! Unueco, kiun vive ĝuas la apudestantoj. Samtempe evoluciadas en aero du aeroplanoj. Kun helpo de generaliganta impeto, en tiu kadro pentrinda, la insuloj d'Arrest, oni rigardadas « estontecan pejzaĝon » laŭ esprimo de la literaturisto Ad. Brisson.

Paulhan, en biplano, de sistemo Voisin, ĉirkaŭiras. Tissandier flugadas por premio de altteniĝo. Liaj du evolucioj, daŭras, entusiasmigantaj. Poste, Tissandier reprovas kunporti gaston, sed ankoraŭ falas. Difektiĝas forte la aerveturilo.

24an de julio, malbona aventuro kiun oni serĉis, tial ke ne pereiga ĝi estis. Birdhomo fariĝas fiŝhomo. Transpasante riveron Allier, Paulhan falas, sed ne renversiĝas. Savo, feliĉe.

25an, Paulhan sin revenĝas : okfoje, li transpasas Allier. Li atingas 40 m. alte, flugadas 30' 25' 4/5. Gratuloj grandaj, kiam li revenas al la tero.

De Rue (kapitano Ferber) sensukcese kvarfoje provas foriron.

Dimanĉo. — Almilito de aero ? Moŝto Aero bone vidigas al ni, ke li estas estro ! Tiun ĉi tagon, ne nur aviadiloj ne eliros, sed, plie, fulmotondro, turnoventego, disjetis aparatojn, budojn, tribunojn... Almilito de aero estas ne ankoraŭ plena ! tiel povas humiliĝi la homamaso, kiu forkuras, for la aerodromo, skurĝata de uragano.

Vespere, ŝirmitaj sub la tegmento de la Internacia Klubo, gravaj personoj trinkis por honori la sukcesojn de niaj aerveturantoj. Certe, la maltenombraj fremduloj, kaj Vi-

HEJMA BIBLIOTEKO
Ivan H. Krestanoff

chy'anoj, kiuj ĉeestis ĉe la aerodromo d'Abrest, tiun ĉi semajnon, ŝuldas al Tissandier kaj Paulhan, tre sensaciajn impresojn, aerveturan edukitecon, antaŭvidon al estonteco...

D-ro Clerc,
Subdel. de l'U. E. A.,
Membro de l'Aero Klubo de Vichy.

---

## Svedaj aeruloj kaj flugmaŝinoj

### Pioniroj de aerveturado en Svedujo (1)

*(Daŭrigo)*

Rimarkinde estas, ke jam en tiu ĉi maŝino parton havis Pro Cederblom kaj ankaŭ S roj inĝenieroj A. H. Rosborg kaj S I. Ledin. La nomo de Pro Cederblom ankaŭ troviĝis inter la subskribintoj de la nomita alvoko. La laboro de S-ro Nyberg en tiu ĉi afero nun ripozis kelkajn jarojn, sed restariĝis, kaj antaŭ tri jaroj S-ro N. efektive flugis, tamen konservante per biciklaj radoj la kontakton kun tero firma. Per tiu ĉi aparato li faris valorajn spertojn. La rapideco estis 10 metrojn posekunde, kaj oni trovis, ke la pezo ludas malpli gravan rolon ol la opozicio de la aero. La eksperimentoj de fabrikejestro Nyberg ĝis nun kostis ĉirkaŭ 27 500 Sm, sed li ja ankaŭ estas la plej progresinta el niaj flugteknikistoj. En Sundbyberg li havas specialan fabrikejon por la flugmaŝino, kiu ankaŭ nun alproksimiĝas al sia perfektiĝo kaj sur Lidingon Insulo proksime de Stockholm la domo de la maŝino estas preta, kun ŝovpordoj kaj ĉio ; tie ankaŭ troviĝas la mahagonaj pontonoj, el kiuj konsistos la malsupra parto de la maŝino, kaj kiuj helpos al ĝia eklevo en la aeron.

Malpli tolerema flugulo estis la multprovinta inĝeniero B. H. Wallin en Goteborg. Li deiris ĉe la konstruo de siaj aviadiloj el la falsa hipotezo, ke ĉe la flugado de la birdo aero estas enlasata tra la plumoj de la flugiloj. Ankaŭ la flugiloj de lia maŝino aspektas kiel sistemo de ŝtofaj klapoj. Por la ekspluatado de tiu ĉi eltrovo estis fondita en Goteborg akcia societo nome, **Aviator** kiu komencis kun ne malmulte da pretendoj kaj, laŭ diro, permesis al si tonon, kiu ne precize atestis memmalestimon. Se mi ne erare memoras, estis el la kiel minimuma kapitalo deciditaj 66.000 Sm nur ĉirkaŭ 11.000 garantiataj, kio ja ne povis longe daŭri. La tuto nun estas mortinta kaj entombigita.

La birdo cetere estas tute nature neelĉerpebla studmaterialo por fluguloj. Tiu svedo, kiu en tiu ĉi rilato plej ekskluzive sin tenis al la birdprincipo, se la esprimo permesiĝas, kredeble estas S-ro Erik Lindqvist loĝanta en Stockholm. De 3-4 jaroj okupata per la granda problemo, S-ro L. venis al solvo, kiu ekstreme diferenciĝas de tiuj de Farman, Wright kaj aliaj. Nek ŝraŭbegon nek direktilon ordinarkomprene uzas S-ro L. ; la afero por li estas pleje imiti la flugadon de la birdoj. Dum la pasinta vintro S-ro L. estis diligente okupata per direktilo, por esti uzota sur aerbalono por akiro de sperto por la estonta flugmaŝino. Ĝi havas sistemon da platoj, tiel aranĝitaj, ke ili ĉe la supreniro sin trovas vertikale, sed poste horizontale. Komence de la somero S-ro N. esperas provi sian direktilon sur balono, kaj poste venos la vico de la flugmaŝino.

Novan principon ankaŭ prezentas la flugmaŝino de la elektristo A. Skold Ĝi konsistas el tio, ke oni per kvar samaranĝitaj ŝraŭbegoj fiksitaj sur la finoj de du paralelaj kaj horizontalaj aksoj povas ĉu antaŭenigi ĉu levi ĝin de la tero. Modelo de ĝi demonstriĝis de Sveda aerveturada Societo kaj estis priskribata en Sveda motorgazeto. Atentigante kiel la ideo elkreskas kiam la tero estas fruktigita oni povas citi, ke precize samtempe kiam la Skold'a principo tie ĉi en Svedujo estis laŭdata kiel tute nova, en Parizo la franco Lestage prezentis maŝinon de tute sama principo, kiu ankaŭ en Francujo ricevis sian specialan laŭdon kiel plene nova.

Unu ĝis nun en la gazetaro nenomita konstruanto de flugmaŝinoj estas komercegisto C. J. Sjogren en Stockholm. S ro S. sin okupas per la problemo de tri jaroj, kaj li firme teniĝas al la principo, ke nenia maŝino povas anstataŭi la naturan sentemon kaj el ĝi sekvanta manovra kapablo, kiun donas la propraj nervoj de la homo. La flugaparaton de S-ro Sjogren karakterizas ĉefe la uzo de rotaciantaj portoplatoj, t, e, portantaj platojn estas plene aŭ parte cirkaj, plataj aŭ kurbaj, faritaj ekz. el strečita silkŝtofo, kiu turniĝas ĉirkaŭ akso rektangula kontraŭ la plato. Tiuj ĉi rotaciantaj portoplanoj ne devas esti miksataj kun levŝraŭbegoj, ĉar ili nur kiel ordinaraj platoj funkcias portante, sed ne levante, kaj por sia turniĝo ili nur postulas tiom da forto, kiu estas postulata por venki la direktopoziciojn. Kontraŭe ili kunportas grandan gradon da solideco ĉe la flugaparato entute.

Komercegisto Sjogren provis praktike sian sistemon kaj venis al favoraj rezultatoj. Por la finprovo de siaj eksperimentoj, eble venko, per kompleta aparato li bezonas nur sumon da apenaŭ 5.500 Sm. kaj tio estas efektive por tiel granda afero modesta sumo. Se mi nun rememorigas pri la aeroplano de S-ro Oscar Engqvist, mekanikisto en Stockholm povas nun esti nomataj la svedaj flugmaŝineksperimentantoj, kiuj ĝis nun sin prezentis publike kaj havis rajton por publika prezentiĝo. Ili ja ne estas tiel multaj, sed la nombro povas multobliĝi, se nur la koncernatoj mem volus sin prezenti. Kiel dirite en la komenco de tiu ĉi artikolo, ekzistas supoze nun kvardeko aŭ pli da svedoj, kiuj estas okupataj per la solvo de la flugmaŝina problemo. Ili estas oficistaj viroj kaj korpolaboristoj, viroj de ĉiuj aĝoj kaj instruiteco, kiujn kaptis la flugideo, kaj kiuj kredas sin kapablaj ĝin solvi. La centro, kie ĉiuj tiuj eltrovintoj renkontiĝas, estas la Sveda aerveturada Societo, kuniĝo, kies sana kaj saĝa konduko faris multe da bono por la svedaj penadoj en tiu ĉi direkto. Tien ĉi sin turnas serĉantoj kun pridemandoj koncerne tiujn partojn, kie ili ne povas trovi la solvon, kaj tie ĉi ili ricevas informojn pri jam faritaj sportoj. Multaj el la projektoj, kiuj venis al la kono de la societo, estas ja tre fantaziaj, aliaj estas eldonitaj konfidencie kaj atendas patentrajton kaj pro tio povas esti nek priskribataj nek nomataj. La laste envenintaj, ankoraŭ de la societo ne traktitaj, projektoj estas kvin ; ili nun rondiras inter la anoj por ricevi ĉe venonta kunsido komunan traktadon. Nenian sekreton ni rivelas, se ni diras ke inter tiuj ĉi projektoj troviĝas unu de Gœteborg'ano, kiu almenaŭ unuarigarde montriĝas je unu por la solvo prospera maniero. La aerveturada societo ne havas kiel specialan taskon ekonomie apogi eltrovintojn, sed nur laŭpete doni konsilojn kaj informojn. Kiel prezidanto de la societe kapitano K. A. B. Amundson en alta grado utilis al la penadoj de svedaj aerflugaj teknikistoj, ĉar S-ro A. havas tre zorgan detalkonon pri diversaj sistemoj, solvoj kaj eksperimentoj por solvoj de la flugproblemo. Valorajn informetojn kaj konsilojn aukaŭ ĉiam afable donis Pro O. E. Lundholm. Inter tiuj, kiuj detale studis la flugproblemojn, ankaŭ nominda speciale inĝeniero Forsten Scholander en Ĉrebro.

Jes, la temo estas riĉa. Tiu ĉi artikolo estas mallonga, kiam mi pensas pri ĉia materialo, kiu estas al dispono. Estus facile forŝerci la seriozon de la temo per kelkaj spritaĵoj, sed la afero estas, ke multaj el niaj fluguloj jam dekomence penas sin teni alte konstruante sur la pintoj de la socio kaj skribas direkte al milit civil. kaj ŝtatministroj, preterpasante la aerveturadan Societon. Estas efektive kon fido al la registraro, kiu tieldirate kuŝas en la aero. Kaj kiu scias, ĉu ne tute simple, por iom leviĝi super la tero, nia estonteco flugos en la aero ?

— Post jarmiloj ili venos ! mi citis malice, kiam mi ian tagon renkontis unu el niaj plej eminentaj aeronaŭtoj. Sed la fakulo diris serioze : — « Ne daŭros multaj jaroj antaŭ ol ni havos regulan aertrafikon inter Stockholm kaj Goteborg. Nyberg ja povus jam fari tiun veturon en sep horoj ».

Jes, Nyberg certe estas tiu, kiu ĝin faros.

El sveda, trad. P. Skoo, (Del-Falun).

(1) Resumo de Ernst Ekman.

---

## AERVURADO

### La proksima konkurso Gordon-Bennett : Zuriĥo ĝin preparas en krila maniero

La loĝantoj de Zuriĥo, en Svisujo, multe klopodas por ke la konkurso Gordon-Bennett, kiu laŭ decido okazos dun oktobro 1909, estu kiel eble plej brila kaj sukcesa. Cetere dank'al sia situacio kaj riĉeco neniu Svisa urbo pli ol Zuriĥo taŭgas por tia tutmonda manifestacio. Oni scias, ke la konkurso Gordon-Bennet rilatas al rondaj ordinaraj balonoj ; do ne direkteblaj kaj nun malmodaj, sed por konservi al tiu okazontaĵo modernan karakteron, oni intencas aldoni eksperimentadon de direkteblaj aerŝipoj, kiu okazus sabaton dum la ĉefprovo estos dimarĉon. Se la klopodoj pri tio sukcesas, estas memkompreneble, ke la personoj, kiujn ne plu interesas la modestaj rondaj balonoj, havos nenian kaŭzon por sin forteni el Zuriĥo kaj povos entuziasme alkuri. Ĉiaokaze oni ne dubas, ke laŭ la multaj jam ricevitaj e[...]kribiĝoj, tiu ĉiujara aermanifestacio estos sukceso. Estas espereble, ke ĝi nedirekte donos antaŭenpuŝon al la aerveturada movado en Svisujo, kiu ĝi nun estis ne tre grava.

Aviadiloj kaj aerŝipoj baldaŭ konduku la turistojn al la montaj pintoj neĝokovritaj ; ili almenaŭ ŝparos al la defendantoj de la naturaj vidaĵoj la vidon de la montotramoj, kiuj baldaŭ ornamos ĉiujn deklivojn de Svisaj Alpoj.

L. K. (Zurich).

---

## IDEOJ & FAKTOJ

### La Politiko en Germanujo kaj Kanceliero Bülow. — La Novaj Impostoj kaj la « Hansaligo »

Dum la lastaj semajnoj okazis en la regnestraro de la germana imperio gravegaj ŝanĝoj. Imperiestro Vilhelmo decidiĝis — kredeble korpremite — konsenti la peton de la kanceliero princo de Bülow pri eksiĝo el lia grava ofico. Sendube la kaŭzoj, kiuj povis iniciati la imperiestron disiĝi de amiko Bernardo, devas esti pezegaj

Neniu povas nei, ke princo Bülow dum sia dekdujara kancelierofico direktis la « ŝipon de l'regno » kun granda lerteco kaj ofte sciis pasigi ĝin feliĉe preter tre danĝeraj rifoj kaj tra tre minacaj ventegoj. Precipe lia agado dum la lasta orienta krizo, kiu trovis Germanujon kun « nibelunga fideleco » ĉe la flanko de Aŭstrio, tre rimarkinde plialtigis la ŝatatecon de la imperiestra regado ĉe la rondo de la grandpotencoj. Estinte antaŭe dum multaj jaroj kiel diplomato en fremdaj landoj li gajnis ampleksan scion pri homoj kaj diplomataj aferoj, kio taŭgigis lin altgrade por la ofico de ministro por eksteraj aferoj Estas konite, ke la imperiestro kaŭze de sia impulsa monarĥa naturo ne malofte per ne sufiĉe kontrolitaj paroladoj kaj depeŝoj ekscitis malkvietecon kaj malagrablaĵojn en la rondoj de la alta politiko, sed ĉiam Bernardo per sia lerteco kaj fleksebleco sukcesis glatigi la ondegojn de la movegita maro politika.

La kaŭzo de la falegiĝo de Bülow estas serĉota en kampo de la interna politiko. Tie troviĝis la rifoj, kiujn li ne sciis eviti. Mankis al li la perforta sento de unu Bismarck, kiu ofte uzis la plej fortajn rimedojn por rompi la volon de la ministroj kaj partiestroj provantaj kontraŭstari siajn intencojn por la bonfarto de la regno. Li estis ĉiam iom timema kontraŭ internaj krizoj Cetere li ne ŝatis enpenetri profunden en la materion de la interna kaj sociala politiko, lasante la prilaboron de tiuj ĉi kampoj al la ministroj kaj konsilantoj de la koncernantaj departementoj.

La objektiva juĝanto devas konfesi, ke estas nefacila tasko regi kun la granda nombro — (ĉirkaŭ dekduo) – da politikaj partioj en Germanujo. Ĉi tiu embarasa riĉeco malebligas la parlamentan regadon kiu pruviĝis utila en Anglujo kaj Francujo.

Alia malhelpaĵo estas la disiga celado de la diversaj partioj. La plej forta partio estas la « Centrumo » kun pli ol cent deputatoj, la nedetruebla « ŝtonego », kiu unuavice gardadas la interesojn de la Roma katolika eklezio, de la klerikuloj. Je la dekstro ni trovas la tri konservativajn partiojn envahantajn preskaŭ 90 anojn, kiuj plej multe estas la grandbienhavantoj de Prusujo kaj nature riprezentas en sia politiko la principon, ke la savo de la imperio dependas sole de la ĉiurimede protektota agrikulturo. Maldekstre de la « Centrumo » estas unue la nacialiberala partio riprezentanta grandparte la grandkapitalon kaj protektanta la nacian industrion. Ĝi multokaze konsentas kun la konservativuloj. La anoj de la pli maldekstraj partioj, la libersenculoj kaj la progresemuloj, estas elektitaj por la komercistaro, la metiistaro, la burĝaro. Ili postulas liberan evolucion de komerco kaj de metioj kaj justan disdonon de la impostoj laŭ la financa povo de la regnanoj. Cetere ili celadas la aplikon de la parlamenta regado. Ni citas plie la reformistojn, la socialistojn (ĉ-aŭ 40), la polojn, danojn kaj elsazanojn.

Rigardante ĉi tiun konglomeraton de heterogenaj elementoj oni komprenas, ke la registaro ĉiam havas grandan malfacilaĵon trovi la necesan plimulton por la efektivigo de la proponitaj leĝoj. Dum multaj jaroj la klerika partio estis decidiga. Sed la pasintan jaron la kanceliero konvinkiĝis, ke la efektivigo de siaj leĝaj projektoj postulas la eksigon de la « Centrumo » el la decidiga plimulto. Pro tio li kreis la parigon de la konservativaj partioj kun la maldekstraj burĝaj ; la strangan produkton li nomis la « blok ». Dum kelka tempo vere la « blok » klopodis labori sincere kaj unuanime por la beno de l'regno, ĉar sur ambaŭ flankoj oni remetis partojn de la ekstremaj postuloj. Je la komenco de la nuna jaro la registaroj unuigitaj de Germanujo postulis la finan solvon de la granda jam de longe urĝanta problemo de ordigo de la imperiaj financoj. Ĝis nun la Reichstag ĉiam permesis la elspezojn por militistaro kaj militŝiparo, ne prizorgante la necesajn enspezojn, ĉar la nerektaj impostoj kaj limdepagoj kun la aldonaj pagoj de la apartaj ŝtatoj (Germanujo, kiel sciate, estas nur ligo de ŝtatoj) tute ne sufiĉis. Pro tio la havigo de la necesa mono estis nur ebla per novaj pruntoj, kiuj altigis la ŝuldojn de la imperio en maltrankviliga maniero. La « blok » havis la taskon krei la imperiajn impostojn. La dekstro deziris grandparte nerektajn impostojn portotajn de la nutraĵoj kaj tiamaniere de la granda amaso de la popolo de la malfortaj ŝultroj. La maldekstra flanko de l' « blok » proponis impostojn trafantajn unuavice la posedantojn, ekzemple la heredantojn. Precipe la kanceliero garantiis la kreon de la lasta projekto, sed la konservativuloj jam de kelka tempo konsiderinte la politikon internan de la kanceliero ne sufiĉe agrikulturema, faligis la heredaĵimposton. Tio estis la morto de la « blok » kaj la kaŭzo de la eksiĝo de Bülow, kiu ne povis regi *kontraŭ* la maldekstraj dekstraj partioj kaj ne *volis* fari tion kun la Centrumo. La rimedon de la dissolvo de la parlemento li ne elektis pro timo de plifortigo de la radikalaj partioj. Laŭ propono de Bülow la imperiestro elektis la ĝisnunan ministron de internaj aferoj, baronon de Bethmann Hollweg kiel kancelieron. La tasko de la nova kanceliero ne estas facila, ĉar kvankam li estas tre klera, de ĉiuj flankoj ŝatata oficisto, mankas al li la granda diplomatia sperto de Bülow en eksteraj aferoj. Ni esperu la plej bonon.

Post la eksiĝo de la liberaluloj el la « blok » la konservativuloj pariĝis kun la « Centrumo » por galope finigi la financajn leĝojn, kiuj nun montriĝas kiel monstra besto forrabanta la nutraĵon por la imperio el la poŝoj ĉefe de la malfortuloj. La biero la tabako, la brando, la alumetoj, la lumigiloj, ĉiuj bezonoj de la popola amaso devas perdi sangon. Oni ne forgesis la posedantojn. Ankaŭ la valorpaperoj, la ĉekoj, la bankkvitancoj estas tre profitaj objektoj. La konsekvenco de la naskiĝo de la belaj impostoj estis fortega protesto kontraŭ la kreintoj. La suferantaj popolrondoj, la industriistoj, komercistoj, metiistoj, oficistoj, tuj fondis grandan ligon, la « Hansabund », por defendi la interesojn de ĉi tiuj profesibranĉoj kontraŭ la perforto de la grandbienhavantoj. Subite venis en la konscion de la nomitaj rondoj, ke iliaj tre gravaj interesoj, precipe la komerco kaj la industrio ne havas sufiĉan laŭnombran riprezentantecon en la parlamento, ke la imperio estas regadata per la agrikulturistoj, kies nombro estas nur triono de la tuta popolo. La Hansaligo ĉiutage eminente kreskas kaj vekas la politikan konsciencon ĉe ŝtatanoj, kiuj ĝis nun estis tro indiferentaj en tiu rilato. La venontaj elektoj de parlamentanoj sendube montros la efikon de ĉi tiu natura movado.

Ni vidas per la cititaj okazintaĵoj, ke ĉiu malbono portas en si la ĝermon de iu bono.

V. (Hamburgo).

---

### Kapitalo kaj laboro

#### Nova sistemo de « laborakcioj »

Ĉi tiun jaron okaze de la fondo de la ĝardenurbo Port Sunlight, la fama brita sapfabrikejo ĉie konata, S-ro Lever, direktoro, enkondukis en siaj uzinoj la sistemon de la « laboraj akcioj ». Jen laŭ kiu spirito estis komprenita ĉi tiu reformo kaj kiel ĝi aplikiĝas :

En komercaj aferoj, diras S-ro Lever, oni devas fari puran filantropion, sed ni devas provi la enkondukon de sistemo pri asociiĝo inter kapitalo kaj laboro. Se ĉi tie, en Port Sunlight ni sukcesas al tio, ke ĉiu laboristo post sia laborstudo, povas fariĝi asocianto en niaj aferoj kaj, proporcie kun sia situacio povas dividi niajn profitojn kaj riskojn. ni konsideras, ke ni per tia sistemo kreos bonegan sistemon de interrilatoj inter homoj im

---

FELIETONO DE « ESPERANTO » 10

# RAKONTO
PRI
# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dedicita al Lev. Nikolajevic Tolstoj

## VIII. Morto ekzistas ankaŭ vivo ekzistas

Pri la morto Sergej Golovin neniam pensis, kiel pri io flanka, kiu tute ne koncernas lin. Li estis forta, sana junulo, provizita per tia trankvila kaj klara vivĝojemo, kiu rapide kaj sen postsigno forigas el organismo ĉian malbonan, malutilan por la vivo penson aŭ senton. Kiel rapide saniĝis ĉe li ĉiaj vundoj, trančaĵoj kaj enpikiĝoj, tiel same ĉio malĝojega, premanta l'animon tuj estis elpuŝita eksteren kaj foriĝis. Kaj ĉian aferon aŭ eĉ distraĵon, ĉu ĝi estis fotografarto, bicikledo, ĉu preparo al terurista atenco, li faris kun tia sama trankvila kaj vivĝojema seriozeco : en la vivo ĉio estas gaja, en la vivo ĉio estas grava, ĉio devas esti farita bone.

Kaj li ĉion faris bone : perfekte direktadis la velon, bonege pafis per revolvero, li estis firma en amikeco, kiel en amo, kaj fanatike konfidis « honorvorton ». La kunuloj ridis lin, ke se serĉisto, vizaĝaĉo, senduba spiono donos al li honorvorton, ke tiu ne estas serĉisto — Sergej fidos lin kaj kamarade premos lian manon. Unu mankon li havis : li estis konvinkita, ke li bone kantas, kvankam li tute ne posedis delikatan aŭdon, kantis abomene kaj falstonis eĉ en revoluciaj kantoj; kaj ofendiĝis kiam oni ridis.

— Aŭ vi ĉiuj estas azenoj, aŭ mi estas azeno, diris li serioze kaj ofendiĝeme. Kaj ĉiuj, pensinte, tiel same serioze decidis :

— Vi estas azeno. Oni aŭdas laŭ voĉo.

Sed, kiel tio ofte okazas rilate bonajn homojn, pro tiu manko oni amis lin, eble eĉ pli, ol pro la indoj.

Li tiel ne timis la morton kaj tiel ne pensis pri ĝi, ke dum la fatala mateno antaŭ la foriro el loĝejo de Tanja Kovalĉuk, nur li sola matenmanĝis bone kun apetito : trinkis du glasojn da teo, miksitan duone kun lakto kaj manĝis tutan kvinkopekan bulkon. Poste li kun malĝojo rigardis la bulkon netuŝitan de Verner kaj diris :

— Kial do vi ne manĝas? Manĝu, oni devas plifortiĝi.

— Mi maldeziras.

— Nu, do mi manĝos. Bone?

— Nu, do bonan apetiton vi havas, Serĉjo!

Anstataŭ respondi, Sergej kun ŝtopita buŝo ekkantis malklare kaj falstone :

— Aerturnoj malamikaj blekas super ni (*)...

Post la malliberigo li estis ekmalĝojinta : ĝi estis malbone aranĝita, ni maltrafis, sed baldaŭ ekpensis : « nun estas aliaĵo, kion oni devas fari bone — morti », kaj regajiĝis. Kaj kiel ajn strange, jam la morgaŭan matenon en la fortikaĵo li komencis gimnastikajn ekzercojn laŭ ia eksterordinare racia metodo, ies germano Miler, forlogita per ĝi : li sin senvestigis ĝisnude kaj akurate plenumis ĉiujn dekok rekomenditajn ekzercojn, iom timigante la mirigitan observintan gardiston. Kaj al li, propagandisto de Milera metodo, estis agrable, ke la soldato rigardis kaj, videble, miris; Kvankam li sciis, ke oni ne respondos, tamen li diris al la okulo, enŝoviĝinta en la fenestreton :

— Estas bone, frato, ĝi fortikigas. Jen kion oni devus enkonduki en via regimento ekkriis li konvinke kaj milde por ne timigi la soldaton ne supozante, ke tiu konsideras lin vera, frenezulo.

La timo je l'morto aperis ĉe li iom post iom kaj iel per ekpuŝoj : kvazaŭ iu de malsupre estis ekpuŝanta tutforte lian koron per pugno. Estis pli vere dolore, ol timige. Poste tiu eksento forgesiĝas, kaj post kelkaj horoj reaperas kaj ĉiufoje ĝi fariĝas pli daŭra kaj pli forta. Kaj estas jam formiĝantaj neklaraj skizoj de ia granda, eĉ neelportebla timo.

— Ĉu vere mi timas? — ekpensis Sergej kun miro. — Jen kiaj malsaĝaĵoj!

Estis ne li, kiu timis, — timis lia juna, firma, fortika korpo, kiun li ne prosperis trompi, nek per la gimnastiko de germano Miler, nek per la malvarmaj frotviŝadoj. Kaj ju pli forta kaj freŝa fariĝis lia korpo post la malvarma akvo, des pli akraj kaj neelporteblaj fariĝis la eksentoj de subita timego. Kaj ĝuste en tiuj minutoj, kiam en libereco li sentis apartan alfluon de vivĝojo kaj forto, matene post firma dormo kaj fizikaj ekzercoj — nun aperadis tiu ĉi akra, kvazaŭ fremda, timego. Li rimarkis kaj ekpensis :

— Malsaĝe, frato Sergej! Por ke la korpo mortu pli facile, oni devas ĝin malfortigi, sed ne fortigadi. Malsaĝe!

Kaj li ĉesigis la gimnastikon kaj la frotviŝadojn.

Por klarigo kaj pravigo li ekkriis al la soldato :

— Vi malatentu, ke mi ĉesis. Ĝi estas bona aĵo, sed ĝi ne taŭgas por pendigotaj, do por ĉiuj aliaj ĝi estas tre bona.

Kaj efektive, kvazaŭ fariĝis pli facile. Li provis ankaŭ malpli manĝi por plimalfortiĝi, sed malgraŭ la manko de freŝa aero kaj de ekzercoj, la apetito estis tre granda; estis malfacile kontraŭstari kaj li formanĝis ĉion, kion oni alportis. Tiam li estis faranta tiel : antaŭ kiam li estis manĝonta, li elverŝis la duonon da supaĵo en malpuraĵujon. Tio ŝajne helpis : aperis dormemiga malvigleco, laciĝo.

— Mi vin lernigos! — li minacis la korpon, kaj samtempe li kun malĝojo gladis la velkajn moliĝintajn muskolojn.

Sed baldaŭ la korpo kutimis ankaŭ al ĉi tiu reĝimo, kaj la timo je l'morto reaperis, — vere nek tiel akra nek tiel fajra, sed ankoraŭ pli malagrabla. simila je l'naŭzo. Sergej pensis : — « ĝi estas, ĉar oni longe prokrastas ; estus bone dormadi la tutan tempon ĝis la ekzekuto. » — Kaj li penis dormi, kiom eble pli. Komence prosperis, sed poste, ĉu pro la trodormo, ĉu pro ia alia kaŭzo, aperis sendormemo kaj kun ĝi venis akraj klarsentaj pensoj kaj kun ili sopiro pri la vivo.

— Ĉu mi ĝin, diablon, timas? — konsideris li pri la morto. — Mi bedaŭras la vivon. Bonega aĵo, kion ajn parolu pri ĝi la pesimistoj. Kaj se oni pendigus pesimiston? Aĥ, mi bedaŭras la vivon, tre bedaŭras! Kaj por kio elkreskis ĉe mi la barbo? Ne kreskis, ne kreskis, kaj jen subite elkreskis. Por kio do?

Li malĝoje balancis la kapon kaj spiregis per daŭraj, malfacilaj sopiroj. Silento — kaj daŭra, profunda sopiro ; denove mallonga silento — kaj ree ankoraŭ pli daŭra malfacila sopiro.

Tiel estis ĝis la juĝo kaj ĝis la lasta rendevuo kun la gepatroj. Kiam li vekiĝis en la ĉelo kun klara konscio, ke rilate la vivon ĉio jam estas finita, ke restis nur kelkaj horoj da atendo en malplenaĵo kaj poste la morto — fariĝis iel strange. Kvazaŭ oni tute nudigis lin, iel malordinare nudigis — oni forprenis ne sole la vestaron, sed deŝiris la sunon, aeron, bruon, lumon, la agojn kaj parolojn. La morto ne venis ankoraŭ, sed ankaŭ la vivo jam estas for; kaj estas io nova frapante nekomprenebla, ĉu tute malsenca, aŭ ĉu havanta sencon, sed tian profundan, misteran kaj nehoman, kiun eltrovi estas neeble.

— Fu, diablo! — turmente miregis Sergej. — Kio do ĝi estas? Jen kie do mi estas? Mi... kia mi?

Li pririgardis sin tutan atente kun intereso, de la grandaj malliberulaj pantofloj ĝis la ventro, sur kiu elstaris la mantelo ; tramarŝis la ĉelon, formetante la manojn kaj daŭrante pririgardi sin, kiel virino en nova robo, tro longa por ŝi. Li turnis la kapon — ĝi turniĝas. Kaj tio ĉi, ial iom timiga, estas li Sergej Golovin, kaj tio ĉi — ne ekzistos plu.

Kaj ĉio fariĝis stranga.

Li provis iradi tra la ĉelo — strange, ke iras; provis sidi — strange, ke sidas; provis trinki akvon — strange, ke trinkas, englutas, tenas la kruĉeton, ke estas fingroj kaj ĉi tiuj fingroj tremas; erarglutis, ektusis kaj tusante pensis : kiel strange, mi tusas.

— Do kio al mi, ĉu mi freneziĝas? — ekpensis Sergej malvarmiĝante. — Nur tio ĉi ankoraŭ mankis, diablo ilin prenu!

Li trotis per la mano la frunton, sed ankaŭ tio estis stranga. Kaj tiam li, ne spirante, ŝajne, dum tutaj horoj, rigidiĝis en senmoveco, estingante ĉian penson, retenante laŭtan spiradon, evitante ĉian movon — ĉar ĉiu penso estis malsenco, ĉiu movo estis malsenco. La tempo malaperis; kvazaŭ ĝi aliiĝis en spacon travidebla kaj senaera, en grandegan placon, sur kiu estas ĉio : la tero, la vivo, la homoj kaj ĉio estas vidata per unu ekrigardo, ĉio ĝis la fino mem, ĝis la enigma abrupto — la morto. Kaj la turmento estis, ne ĉar oni vidas la morton, sed — ĉar samtempe estas vidataj la vivo kaj ankaŭ la morto. Per sakrilegia mano estis fortirita la kurteno, kaŝanta deeterne la misteron de l'vivo kaj la misteron de l'morto, kaj ili plu ne estas misteroj — sed ili ankaŭ ne fariĝis kompreneblaj, kiel vero, ĉizita en nekonata lingvo. En lia homa cerbo ne estis tiaj komprenaĵoj, en lia homa lingvo ne troviĝis tiaj vortoj, kiaj povus ĉirkaŭpreni la ekviditon. Kaj la vortoj « mi timegas » nur tial sonadis en li, ĉar ne ekzistis alia vorto, ne ekzistis kaj ne povis ekzisti komprenaĵo, konvena al tiu ĉi nova, nehoma stato. Tiel okazus al la homo, restanta en la limoj de homa komprenebleco, sperto kaj sentoj, se li subite ekvidus la Dion mem — ekvidus kaj ne komprenus, kvankam li scius, ke tio ĉi estas nomata Dio, kaj li estus ekfrapita per malordinaraj turmentoj pro malordinara malkompreno.

Trad. D-ro J. Ostrovski.

*(Daŭrigota).*

(*) Rusa revolucia kanto.

[...]ataj en afero komuna kaj batalantaj por [...]unaj interesoj. Post multjara pripensado [...] konvinkiĝis, ke tia sistemo povas esti nek [...]partoprenon en la profitoj jam diversloke [...]rtita, nek alia sistemo de salajreco. Mian [...]emon mi bazas super metodo ekzistanta [...]ĉiuj komercaj firmoj de l'malnova tempo; [...]aŭe oficisto, transirinte la diversajn ofi[...]n, povis esti materiale interesita en la [...]ro por kiu li laboris kaj fariĝi asociantoj [...]s nun tiu sistemo ŝajnis neaplikebla kun ak[...]j societoj anonimaj. »

[...]-ro Lever, konsente kun la akciuloj, deci[...] eldoni por 500.000 $ da asociaj atestoj. [...]aj atestoj, veraj akcioj, reprezentas kvaron[...] de la ordinara akciaro; ili estos donataj [...] laboristaro laŭ la jena proporcio: 1/4 [...]5.000 $) al la direktoroj; 1/4 (125.000 $) al [...]lakestroj); 1/4 (125.000 $) al la vendistoj; [...](125.000 $) al la oficistoj kaj laboristoj. [...]eciala Komitato, konsistanta el la reprezen[...]toj de la diversaj kategorioj interesataj [...]rgas pri la disdono de la akcioj. Por havi [...]on ricevi tiajn akciojn, oni devas esti 25-[...] kaj dum kvin jaroj servinta ĉe la Kompa[...], krom tio la laborakciulo promesas malŝ[...]ri aŭ fuŝi nek laboron, nek materialon, nek [...]pon de reedziniĝo.

[...] rajto al tiuj akcioj perdiĝas pro eksiĝo [...] uzino aŭ agado kontraŭa al la interesoj [...] la kompanio. Kontraŭe, se pro nuligo de [...] ofico, oficisto estas eksigata, li restas ak[...]ulo, kaj se li mortas lia edzino heredas la [...]oprecon de la akcioj, kiun ŝi perdas nur en [...]zo de reedziniĝo.

Nuntempe 1130 personoj povos fariĝi akciu[...] en tiaj kondiĉoj. Laboristo gajnanta 1.000 [...] jare kaj ricevonta ĉiujare 1.10 plue en for[...] de akcioj, post 10 jaroj havos kapitalon [...]1000 $ aŭ, laŭ 10 %, renton da 100 $. Se la [...] komercaj estus malprosperaj, t. e. se la [...] estos malaltaj, ĉiuj akciuloj suferos de [...]

En ĉi tio, diras S-ro Lever, kuŝas la plibo[...] de la asociiĝo super la sistemo de la par[...]preno en la profitoj. Ni ne estras individuojn [...]ferentajn pri la perdoj de la Societo, sed [...]as verajn asociantojn, fidelajn, laboremajn [...] ili havas la samajn riskojn kiel ni. »

W. R.

NUNTEMPAĴO

# SUPER LA KANALO

*(Rakonto de S-ro Blériot)*

Dover, Dimanĉon 25 Julio 1909.

[...]i pli gravas, esti la unua transapasinta [...]analon ol esti gajninta la premion da 1.000 Sm. [...]amen mi devas unue rekoni la entreprenon [...] la *Daily Mail* kaj ĝian ŝatadon de la aviado, [...]am ĝi proponis la premion, kiun mi havis [...] honoron gajni. Mi ĝojas, ke mi ĝin gajnis; [...] ĝojegas, ke mi transflugis la Kanalon. [...] mi promesis al mia edzino, ke mi ne [...]os la provon; poste mi decidis, ke se iu [...]sukcesus, mi estus la unua kiu provus. [...]ajn mi estas.

[...]e la 2 h. 30 tiumatene mi elliĝis ĉe la hotelo [...]rminus en Calais, kaj je la 3a mi motore [...]iris kun mia amiko Le Blanc al « les Ba[...]ques ». Veturante mi rimarkis, ke la vetero [...]tas favora al mia provo. Ni do ordonis al la [...]rpedoŝetruilo *Escopette* malavare metita al [...] dispono de mia registaro, ke ĝi ekiru. Je [...] 30 frumatene mi eniris la aviadejon kaj [...]zamen's la aeroplanon, kiu estas mia dona [...] Mi provis la maŝinon kaj trovis ĝin bone [...]nkciadantan. Ĉio estis preta por la foriro. [...] la 4a, mi ekokupis mian sidejon en la aero [...]lano kaj faris provan flugadon de kvaronhoro [...]ĉirkaŭ Calais kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. La rondirado [...]tis 15-kilometra proksimume. Fininte ĝin, [...] malsupreniris sur la lokon de la krutaĵo, [...] kiu mi intencis forflugi. Tie mi atendis la [...]ĝon de la suno, ĉar la kondiĉoj por la [...]gado de la *Daily Mail* postulis, ke mi flugu [...]er sunleviĝo kaj sunsubiro.

[...]e 4 h. 30 ni povis vidadi ĉirkaŭronde. Ta[...]omo estis alvenanta. S-ro Le Blanc provis [...]idi la anglan bordon sed ne prosperis. [...]alforta vento el sudoriento blovadis. La [...]ro estis hela. Ĉio estis preta. Mi estis ves[...] kiel mi estas nun per « khaki » jaketo [...]on lana subaĵo sur miaj taredaj vestoj kaj [...] mia ingeniera blua surtuto el kotuno. [...] mallarĝa ĉapo estis dense fiksita sur mia [...]apo kaj miaj oreloj. Mi ne estis manĝinta [...] trinkinta iom de l'tempo de mia ellitiĝo. [...] pensis nur pri mia flugado kaj mia decido [...] plenumi tiun matenon, 4 h. 35! Ĉio estas [...]. Le Blanc faras la signalon kaj post [...]omento oni flugpendas en la aero, mia [...]aŝino farante 1200 turniĝadojn — preskaŭ [...] plej granda rapideco — por ke mi rapi[...]e superflugu la telegrafajn fadenojn laŭ[...]ge de la bordo de la krutaĵo. Tuj kiam mi [...]ekos la krutaĵon, mi moderigis mian rapide[...]on. Ne estis nun la bezono perfortigi mian [...]on.

[...] Mi komencas mian flugadon al la angla [...]ordo kun plena certeco kaj firmeco. Mi ne [...]nas, tute ne! La *Escopette* min vidis. Ĝi [...]progresas rapide po ĉirkaŭ 42 kilometroj [...]ore. Tio ne gravas, ĉar mi progresas po [...] kilometroj minimume. Mi baldaŭ ĝin atin[...]as vojaĝante je la alteco de 80 metroj. La [...]omento estas superega, mi sentas nenian [...]scitemon. Malsupre de mi estas la maro, [...]iltata de la vento, kiu nun ekfortiĝas. Li [...]ovado de la ondoj ne estas agrabla. Mi [...]ovados. Post dek minutoj mi [...]erpasis la detruilon, kaj mi turnas mian [...]pon por vidi, ĉu mi daŭrigas la ĝustan [...]. Mirego! Nenio vidiĝas, sur la tor[...]edo-detruilo, nek Francujo nek Anglujo. Mi [...] vidas nenion, nenion. Dum dek minutoj mi estas perdita. Estas stranga situacio esti tute sola, sen gvido, sen kompaso en la aero, super la mezo de la kanalo. Mi palpas nenion. Miaj manoj kaj piedoj delikate kuŝas sur la leviloj. Mi lasas la aeroplanon preni ĝian propran vojon, ne zorgante kien ĝi iras. Dum kelke da minutoj mi daŭrigas tiamaniere, nek altiĝante, nek falante nek turniĝante. Kaj poste, dudek minutojn post kiam mi forlasis la francan bordon, mi ekvidas la verdajn krutaĵojn de Dover, la kastelon kaj malproksime, maldekstre la lokon, kie mi intencis alteriĝi. Kion fari? Estas evidente, ke la vento dekliniĝis min de mia kuro. Mi troviĝas proksime de la golfo St-Margaret kaj min direktas al la *Gooduin Sands*.

Nun estas tempo uzi la direktilon; Mi prenas la levilon per mia piedo kaj facile turni ĝas okcidenten, inversigante la direkton, laŭ kiu mi vojaĝis. Nun vere mi estas ĝenata; car tie ĉi, ĉe la krutaĵoj, la vento blovas multe pli forte, kaj mia rapideco estas malgrandigata dum mi batalas kontraŭ ĝi. Tamen mia bela aeroplano obeas. Mi daŭrigas okcidenten kun la espero, ke mi povos transflugi la havenon kaj atingi la Shakespearan krutaĵon. La vento denove blovas. Mi ekvidas la malfermaĵon en la krutaĵo. Kvankam mi estas certa, ke mi povus daŭrigi unu horon kaj onon kaj reiri Calais-on, mi ne povas kontraŭstari la okazon alteriĝi sur tiun verdan terajon. Ankoraŭ unu fojon mi turnas mian aeroplanon, kaj desegnante duonrondon mi eniras la aperturon kaj denove mi troviĝas super seka terajo. Evitante la ruĝajn konstruaĵojn je la dekstra flanko, mi provas alteriĝon; sed la vento min turnadas du aŭ tri fojojn. Mi tuj haltigas mian motoron kaj subite mia maŝino defalas teren de la alteco de 20 metroj. Post du-tri sekundoj mi troviĝas savita en via lando. Soldatoj en « khaki » kaj policano alkuras. Du el miaj sampatrujanoj ĉeestas. Ili kisas miajn vangojn. La plenumo de mia flugado perfortigas min; mi havas nenion por diri, sed mi akceptas la gratulojn de la reprezentantoj de la *Daily Mail*, akompanas iliun al la hotelo *Lord Warden*.

Tiel finiĝis mia flugado trans la Kanalo. Estas facile refari ĝin. Ĉu mi ĝin faros? Mi pensas ne. Mi promesis al mia edzino.

Depost la vetflugo, en kiu mi promesis konkuri, mi ne flugos plu.

El *Times*, trad. A. CAUMONT

# La Faktoj

5. *Julio*. PARIZO. — Foriras 155 konkursantoj por la rondiro de Francujo per bicikleto.
BAD GASTEIN. — Inaŭguro de la fervojo de la Faŭroj el Spital al ĉi tiu urbo.
6. ROMO. — Solena kunveno en kapitolo de la Delegitaro por la rememorigaj festoj de 1911.

ĜENEVO. — Oni metas la unuan ŝtonon por la internacia monumento de la Reformacio.
7. SALONIKO. — La registaro akiras per 180.000 Sm la villon Allatini kaj definitive fiksas en ĝi la loĝejon de l'eks-sultano.
8. PARIZO. — Mortas generalo Gallifet.
9. POLTAVO. — En la okazo de la jarcentfestoj por rememorigi la bataladon, la Caro ĉeestas la inaŭguron de monumento al kolonelo Kellin.
10. ĜENEVO. — Finiĝas la rememorigaj festoj por la fondo de l'Universitato.
11. BERLINO. — Princo Bülow kunvenigas al festeno de sia forpermeso, la oficistojn de la ministrejo de l'eksterlandaj aferoj kaj de l'imperia kancelario.
12. NAPOLO — Eksplodo sur l'Usona kirasŝipo « North-Cerolina ». Mortas oficiro, kelkaj maristoj estas grave vunditaj.
13. KOLUMBIO. — Okaze de konferenco inter vic-prezidanto Pesses, kaj Valencia, prezidanto elektita de la revoluciuloj, oni faras interpacon.
14. BERLINO. — Imperiestro akceptas la eksiĝon de Bülow kaj aŭstataŭigas per D-ro Bethmam-Holweg ministro de l'internaj aferoj.
15. GREKUJO. — Grava tertremo skuas la Elidon. Multaj domoj elfalas.
16. NAPOLO. — Mortas Pro Vilktoro Matteucci, direktoro de la observatorio de la Monto Vesuvio.
TEHERAN. — La Ŝao de Persujo, Mohamed Ali estas detronigita; li estas akceptita en la Rusa senditejo
LONDONO. — Mortas George Tyrrel skolesto de la filozofia kaj teologia modernismo.
17. TEHERANO. — La nacia kunveno proklamas la konprincon Ahmed Mirza, novan Ŝaon sub la regado de Azad-ul-Mulk.
18. VARESE (Lombardio). — Mortas Don Carlos de Borbono, pretendanto al la hispana trono.
LA SPEZIA. — Oni enakvigas la unuan submaran ŝipon de Danujo « Dikkesen ».
BERLINO. — Pro ektuŝego dum ciklista kurado pereas 7 personoj kaj 30 estas vunditaj.
REIMS. — Finiĝas la festoj por Johanino d'Arka.
20. BERNO. — Malfermo de internacia sociologia kongreso.
PARIZO. — Eksiĝo de ministraro Clemenceau.
ATENO. — Rhaltis starigas novan ministraron.
24 PARIZO. — Briand starigas novan ministraron.
25. LONDONO. — Ministro Lewis inaŭguras la XIa kontraŭalkoolan kongreson en kiu partoprenas 20 nacioj.
25. DOVER. — Blériot traveturas en 23 minutoj la Manĉon per monoplano.

A. TELLINI.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

Fako Ia : ADMINISTRADO

*Kunvenoj de U. E. A. dum la Barcelona kongreso.*

Laŭ § 20 de la Regularo, okazos kunvenoj de U. E. A dum la Barcelona Kongreson. Ni rememorigas al niaj membroj § 20, kiu precizigas la ĝustan rolon de niaj kunvenoj:

« La delegitoj kunvenas ĉiujare en loko fiksita de la komitato, almenaŭ 3 monatojn antaŭe: 1e por aŭdi pri la morala kaj financa stato de U. E. A. kaj ĝia agado dum la pasinta jaro; 2e por ekzameni la proponojn prezentitajn de la membroj kaj deziresprimojn pri ili. Laŭ tiuj deziresprimoj, la komitato prezentas proponojn al la korespondа kaj sekreta voĉdonado de ĉiuj delegitoj ».

La unua solena kunveno de U. E. A. okazos mardon 3. Sept. je 10 h. en la Paraninfo de l'Universitato. La labora kunveno okazos je dato konigota pli malfrue. Niaj membroj trovos en nia no de la 30. Aŭgusto la detalan programon kaj tagordon de tiuj kunvenoj. Ĉiuj Delegitoj, kiuj dezirus elmeti proponojn pri U. E. A., ŝanĝoj en la regularo, nova agado, estas petataj konigi tion al la fako administrado, antaŭ la 25a *Aŭgusto*. Tiu propono nepre devas esti akompanata de raporto.

*Raportoj de la Delegitoj.*

Ĉiuj Del. estas treege petataj plej baldaŭ sendi al ni sian raporton pri sia agado por U. E. A. en sia loko dum la unua semestro 1909. Tiuj raportoj estas al ni necesaj por la redakto de la generala raporto pri la agado de U. E. A., legota ĉe nia Barcelona kunveno.

*Konkursoj.*

Por la jenaj konkursoj ni ricevis laborojn el diverslokaj asocianoj:

Konkurso Warden: *Pri la plej bona raporto pri komerco & industrio*;

Konkurso Warnier: *Pri la plej bona ideo por plivastigi U. E. A. kaj pligrandigi ĝian utilecon*;

Konkurso « Esperanto »: *Pri la plej bona gvidlibro.* — *Pri la plej bone aranĝita Esp. Oficejo.*

La ricevitaj laboroj estas submetataj por la ekzamenado de tri juĝantoj. La premioj estos disdonataj dum la kunveno de U. E. A. ĉe la *Barcelona Kongreso.*

*Paroladistoj.*

Antaŭ kelkaj semajnoj ni publikigis alvokon pri tio kaj ricevis ŝatindan nombron de respondoj el diversregionaj samideanoj, kiuj sin proponas kiel paroladistoj. Ni nun preparas la servojn de ĉi tiu subfako kaj detale konigos nian agadplanon, tuj kiam rekomencigos la tempo de l' paroladoj, tio estas post la Barcelona kongreso.

*Al kelkaj korespondantoj.*

Ni rememorigas al niaj korespondantoj, ke la sola oficiala lingvo de U. E. A. estas Esperanto, ke sekve, interne de nia Asocio, nur Esperanto devas esti uzata. Ni resendos por traduko ĉiujn alilingvajn, oficialajn leterojn, sendatajn al ni de Esperantianoj. Tio estas tiom pli necesa, ke ĉe la Oficejo de U. E. A estas oficistoj, kiuj ne scias enlandan lingvon.

*Geografia karto de Esperantio.*

Por eksplicito, grupaj kunvenejoj, paroladoj, U. E. A. intencas eldoni geografiajn kartojn pri sia disvastiĝo. Tiu geografia karto, kies formato ne devas superi 100 × 60 c/m, estos precipe dediĉata al centra Europo; ĉe la malsupraj anguloj, en malplej multe pli malgranda skalo estos la duonsferoj. Ĉiu loko kie estas Del aŭ Subdel de U. E. A. devos esti skribata kaj signata en videbla maniero. Oni ne devos iel diferencigi la landojn, sed nur desegni la grandajn riveregojn kaj la grandajn internaciajn fervojojn. Pluajn detalojn ni volonte donos al la petontoj. Ni estas dankaj se tuj kompetentaj pli membroj bonvolus prezenti al ni projekton de tia utilega karto, kiu servos kiel modelo por la definitiva karto disvendota.

*Novaj Subdelegitoj.*

ANNONAY (Ardennes, Franc.). — S-ro E. Mi colet.
ARENDONCK (Belgujo). — S-ro L. Heidendal.
BARRARA DEL VALLES (Barcelona, Hispan.) — S-ro J. Planas.
CHARDON (Ohio, Usono). — S-ro G. H. Cowles (Grange Co).
CHERBOURG (Franc.). — S-ro Duigon (36, rue de la Fontaine).
CONDÉ (Nord, Franc.). — S-ro Mannevy (leŭtenanto ĉe 127e inf. reg.).
ELBERFELD (Germanujo). — S-ro P. Tarnow (Bismarckstr. 83).
IRKUTSK (Siberio). — D-ro Perott (23, Medvednikovskaja).
LUBA (Sved). — S-ro K. E. Transen (Storgatan 25).
LOSSNITZ (Saks., German.). — S-ro Seifert (Haupstr. 32 II).
MONT-SAINT-ANDRÉ (Brabant, Belg.). — S-ro F. Wambacq.
PERPETUA DE MOGUDA (Barcelona, Hispan.). — S-ro J. Jardi.
ROUEN (Franc.). — F-ino Fournier (32, rue Cauchoise).
SEDAN (Franc.). — S-ro R. Sauvage (11, rue Saint-Michel).
STAVANGER (Norveg.). — S-ro P. Pettersson (Hjelmelandsgade, 1).
TARRASA (Barcelona, Hispan.). — S-ro A. Badia (Pantano, 89).
THURINGEN (Vorarlberg, Aŭstrio). — S-ro P Kastner.
UFA (Rusujo) — S-ro N. Foso.
Entute 682 lokoj kun 82 Del. kaj 598 Sub del.
SANGOJ. — Varbinte pli ol 20 membrojn la *Subdel de Aidin, Belgrad, Leipzig, Sabadell* (S-ro Toruella) fariĝas *Delegitoj*.

La subdel. de *Hull* estas nun S-ro Hepton (40 Derringham St).

La Del de *Rotterdam* estas nun S-ro Vermaas (Schermlaan, 50), anstataŭ S-ro Wit.

La Subdel de *St-Gravenhage* estas nun F-ino Boon (96 Emmehave).

Fako IIa : FINANCOJ

*Monata raporto. Etato de la Financoj dum monato Junio*

| | | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|---|
| Fako Administrado...... | $ | 163 26 | 145 11 |
| Subfako Ekspedado...... | | | 39 48 |
| Fako Financoj.......... | | 19 33 | 2 92 |
| Subfako Kalkulado...... | | | 0 64 |
| Fako Komerco........... | | | 14 46 |
| Fako Junuloj........... | | | 4 20 |
| Sumoj.... | | 182 59 | 206 81 |
| En Kasoj la 1an de junio.. | | 258 54 | |
| En Kasoj la 1an de julio... | | | 234 32 |
| | | 441 13 | 441 13 |

Dum la monato junio la antaŭvidita enspezoj estis $ 250,33. La enspezitajoj do malsuperis la antaŭviditajn enspezojn je $ 67.74.

*La Financa Fakestro,*
Th. ROUSSEAU.

Fako IVa : ESPERANTO-OFICEJOJ

*Novaj Esperanto-Oficejoj.*

Novajn respondojn ricevis ĉi tiu fako. Laŭ ili Esp. Of. estis kreitaj en la jenaj lokoj:
EVORA (Portugal). — F. Duarte de Souza.
GOUDA (Holand.). — Swatsenburg (Kleyweg, 85).
GUADALAJARA (Meksik.). — A. Gomez Cruz (Morelos, 995).
NAPOLO. — Librejo d'Ambrosio (via Chiaia, 268).
KŒNIGSBERG (German.). — Librejo Baiker (Burgstr 2).
PLYMOUTH (Angl.). — S-ro A. S. Mulkerns (160, Union, st.).
ZARAGOZA (Hispan.). — S-ro V. Gasca (Plaza Constitucion).

Fako Va : TURISMO

*Gvidfolioj kaj gvidlibroj.*

Gvidfolioj, jam presitaj aŭ en presado, estis eldonataj por la jenaj lokoj: Aachen, Bad-Reichenhall, Bordeaux, Bromberg, Carcagente, Douai, Genève, Grenoble, Géra, Koenigsberg, Kostroma, Lausanne, Le Mans, Le Hâvre, La Rochelle, Limoges, Louhans, Moulins, Naucy, Puy, Tiflis, Woerishofen, entute 22. Krom tio samformataj gvidfolioj estis eldonitaj en Troyes kaj Vichy. Aliaj estas en preparado en multaj lokoj.

Ni rememorigas, ke ĉiuj vojaĝantaj Esp-anoj povas ricevi gvidfoliojn por ili bezonajn kontraŭ 10 sd. Oni sin turnu al S-ro Cazeaux, 77, rue Lachassaigne, Bordeaux.

La grupoj, kiuj ne sendis la manuskripton, ne prokrastu tion fari. Ĉiu urbo nepre devas havi sian gvidfolion.

Gvidlibroj ilustritaj ekzistas en la jenaj regionoj: Barcelona, Bourg, Berna Oberlando, Kopenhag, Le Puy, London, Magdeburg, Praha, Skotlando, St Etienne.

Fako VIIa : JUNULOJ

*Kursoj por Junuloj.*

En nia no de 5 Julio, ni jam donis la rezultatojn de la klopodoj de niaj Del. et Subdel ĉe la lernejestroj. De tiam ni ricevis novajn informojn el aliaj lokoj. Sekve de nia letero, kursoj estis organizitaj aŭ jam ekzistis en la jenaj lokoj: Augsburg, Avignon, Bordeaux, Graz, Ricamarie, Siedlce, St Etienne, Vladikaukaz. Tiuj kursoj havis kune ĉirkaŭ 500 lernantojn. Entute nia letero al la lernejestroj instigis, direkte aŭ ne direkte, Esperantokursojn por gejunuloj en 30 lokoj kun *1,200 lernantoj*. El tio parto aliĝis al U. E. A. kaj kelkaj uzis la servojn de nia Asocio, ĉu por veturi eksterlanden, ĉu por trovi oficon. Tio montras la rezultatojn, kiujn povas atingi samtempa internacia sistema agado. Tiuj klopodoj estos rekomencataj, en pli bonaj kondiĉoj, ĉe la komenco de aŭtuno.

# VOJAĜOJ AL LA KONGRESO

### Unua vojaĝo :

Pri la arango de tiu vojaĝo por la kongresanoj venantaj el Polujo kaj norda Germanujo vidu « Esperanto » de 120a, Julio. Por ke la ceteraj karavanoj el suda Germanujo kaj Aŭstrujo povu renkonti la aliajn dum vojaĝo, jen la horaro:

a) München. 29. aŭg. 10.30 matene.
Lindaŭ. — 2.10 posttagm.
Bern (alveno). — 9.07 vesprere (Hotel Gotthard. Esper. Entrepreno.)

b) Wien. 28. aŭg. 8.00 matene.
Linz. — 11.15. —
Innsbruck. — 7.05 vesp. (noktiĝo).
— 29. aŭg. 7.20 matene.
Bregenz. — 11.08. —
Buchs. — 11.30. —
Zurich. — 2.09. —
Bern (alveno). — 6.15 vespere (Hotel Gotthard).

De Berno ĝis Barcelono kun la aliaj.

Reveno de la vojeĝantoj el sud Germanujo kaj Aŭstrujo sur sama vojo ĝis Genevo aŭ Lausanne, por ricevi la plenan rabaton, poste laŭvola rondiro. Oni aĉetu la biletojn de la hejma urbo ĝis Genevo ĉe la Agentejo Cook (Esperantia Entrepreno). Oni petu la plenan programon de S-ro Kandt, & Neuer Markt, *Bromberg* (Germanujo).

**Grava avizo** : *La Karavano pasigos la nokton de 30a Aŭgusto en Lausanne, ne en Genève.*

### Dua vojaĝo (Francujo):

Biletoj mendotaj ĉe Centra Oficejo, 51, rue Clichy, Paris. Rabato 50 % por iro kaj reveno sur sama vojo.

Forveturo el:
a) Anvers. 2. sept. 7.26 matene.
Bruxelles. — 8.57. —
Maubeuge. — 11.27. —
Paris (alveno). — 3.50. posttagm.
b) Calais 2. sept. 1.30. —
Boulogne-s/Mer. — 2.21. —
Amiens. — 4.25. —
Paris (alveno). — 6.16 vespere.

Restado en Parizo dum unu tago, forveturo kun speciala vagono ĝis Barcelono, se almenaŭ 300 personoj ĉeestos. Oni nepre sin turnu kiel eble plej baldaŭ al la *Centra Oficejo*, por aliĝi kaj ricevi la necesajn *klarigojn*.

### Por Bicikletistoj:

S-ro H. Holst, 34, Margaretenstrasse, *Potsdam* (Germanujo), preparas tre malkaran vojaĝon bicikletan. Interesuloj turnu sin al tiu adreso.

## BILET-PREZOJ

Por la ĉefa vojaĝo el Germanujo kaj Aŭstrujo ni starigis la prezojn de la biletoj, aĉeteblaj ĉe la vojaĝagentejo de Thos. Cook et Son, kies filioj troviĝas en ĉiuj plej gravaj urboj (Esperantia Entrepreno):

1. Supozante ke kelke de kongresanoj intencas vojaĝi kiel eble plej malkare, ni konsilas al ili aĉeti « rondiran » bileton por la sama vojo iro kaj reveno: Bromberg, Berlin, Frankfurt, Basel, Bern, Genève, Lyon, Marseille (vaporŝipe aŭ fervoje de Tarascon), Barcelona; aŭ: Praha, München, Lindau, Bern, k. t. p.

En tiu okazo la bileto kostas por iro kaj reveno:

| el | 2. kl. Sm | 3. kl. Sm |
|---|---|---|
| Bromberg | 134 | 76 |
| Berlin | 96 | 63 |
| Praha | 116 | 62 |

Por tiuj kiuj intencas fari rondiron revenante tra Bordeaux, Paris, Bad, Godesberg, Berlin (Dresden, Bodenbach) la biletprezo estas:

| el | | |
|---|---|---|
| Bromberg | 132 | 80 |
| Berlin | 112 | 68 |
| Praha | 124 | 73 |

Pri la prezoj de la strekoj ĝis la nomitaj ĉefurboj oni facile ricevos klarigon ĉe la hejmaj staciodomoj, tiamaniere ke ĉiu povos starigi precize prezon por sia bileto.

La vaporŝipon de Marseille al Barcelono ni havos nur se ĉeestos almenaŭ 150 personoj, tiam la kosto por iro kaj reveno (Marseille-Barcelono) estos nur: Sm 15 (2 kl.) et 8 Sm (3 kl.); sed por ricevi tian rabaton oni nepre aliĝu *antaŭ la 20 Aŭgusto.*

P. S. — Tiuj biletoj valoras por ĉiu vagonaro entenanta la rilatan klason. Oni do povas vojaĝi aŭ kun la karavano aŭ tute sola, aŭ en malgrandaj aretoj.

### Ĝeneralaj konsiloj:

1) Aŭstriaj, germanaj kaj Svisaj fervojoj ne donas specialan rabaton, oni plej oportune havigas al si la konatajn internaciajn rondbiletojn por tiuj landoj. Ili estas nekaraj, daŭras 60 aŭ 90 tagojn kaj povas esti aĉetaj ĉe la vojaĝagentejo Cook et Son, kies filioj troviĝas en ĉiuj plej grandaj urboj; oni mendu ilin sufiĉe frue.

2) Por tiuj, kiuj sin turnas al nia fako, ni la 15 aŭgusto ni plezure prizorgos hotelojn kaj manĝojn en la halturboj: Berlin, Frankfurt, Bern, Avignon; Munchen, Innsbruck, k. t. p. Sed por tio oni devas detale priskribu siajn dezirojn plej frue.

3) De Marseille ĝis Barcelono kaj revene ni havos specialan vaporŝipon de la Messagerie maritime, se almenaŭ 150 personoj aliĝos ĝis la 20 de aŭgusto. La prezo estos por iro kaj reveno 8 *Spesmiloj* (2a klaso) kaj *Sm, 15* (1a klaso) sen nutraĵo. Se ne la partoprenotoj, kiuj estos sciigotaj avizataj, estos vagonaron.

J. SCHMID.

# Lastaj Informoj pri la Vojaĝoj

AL LA KONGRESO

a). Personoj, dezirantoj partopreni en karavano tra Bromberg, Berlin, Frankfurt, Basel, Bern, Genève, Lyon, Avignon, Barcelono, sin turnu al S-ro D-ro M. Kandt, 8 heuer Markt, *Bronberg* (Germanujo), kiu sendos la definitivan programon kaj horaron.

b). Pri karavanoj el Londono ĝis Parizo, sin turnu al S-ro P. Blaise (Zandem Building, Merton Abbey, *London*), aŭ al S-ro W. Mann (British Esperantist, 133-136 High Holborn London), por la programo kaj horaro.

c). Pri karavano kaj speciala vagonaro el Parizo ĝis Barcelono, oni petu informojn el Centra oficejo, 51, rue de Clichy, *Paris.*

d). Ĉiuj personoj, kiuj uzos la frankajn fervojojn kaj ne havas rondirajn biletojn, mendu rabatilon el Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, *Paris*, aŭ Esperantio, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève*. Tiu rabatilo enhavas ĉiujn necesajn informojn.

e). Personoj, kiuj deziras plenajn informojn pri kondiĉoj de vojaĝoj tra Hispanujo mendu specialajn Instrukciojn el Centra Oficejo aŭ Esperantio (kiel en d.).

f). La rabatitoj por la hispanoj fervojoj estas sendentaj kun la kongreskarto.

g) Ĉiuj vojaĝantoj, izole aŭ karavane, kunportu la Jarlibron de U. E. A. kaj surhavu la insignon.

# Esperantiaj Informoj

**Augsburg** (Bavarujo). — Nia fervora Del., S-ro Beideck Augsburg sendas al ni la ĉisuban interesan raporton pri sia agado: « De komence de mia agado mi klopodis ne nur gajni membrojn en Augsburg por U. E. A., sed ankaŭ en Bavarujo, precipe novajn Subdel. Ĝis nun mi povis proponi 12 Subdel., kiuj ankaŭ fariĝis tiaj. Nuntempe mi korespondas kun 18 aliaj lokoj, kie mi fondigos novajn grupojn kaj kie tiam estos ankaŭ Subdel. Ĉefe mi ankaŭ klopodis, ke la gegrupanoj en tuta Bavarujo *ĉiuj* aliĝos al U. E. A., (Esp iaj Asocioj); en Augsburg, München kaj Woerisbafen mi atingis tion La Augsburganoj aliĝos ĉiuj de 1an jan. 1910 al U E. A (certe. 200). En la 1a *bavara* esp. kongreso, kiu havos lokon en Nürnberg je la 3an okt. 1910, mi ree parolados pri la granda signifo de U. E. A. kaj klopodos gajni ĉiujn grupojn al U. E. A kun ĉiuj geanoj kaj invitos la bavarajn oficistojn de U. E. A., je « generala kunveno ». La venonta germana Esp. kongreso ankaŭ okazos en Augsburg dum 1910.

« Por gajni multajn esperantiajn entreprenojn ni dissendis la broŝuron de U. E A kun skribaĵo al ĉiuj firmoj kaj mi esperas, ke mi baldaŭ povos raporti pri bonegaj rezultatoj. Ĝenerale la opinioj de la komercistoj kaj fabrikantoj pri Esperanto kaj ĝia signifo estas tie ĉi bonaj.

« La letero de U. E. A. pri gejunuloj estis dissendata al ĉiuj lernejestroj. Ĝis nun ni sukcesis, ke la « Supera Komerca lernejo » akceptis Esperanton *(la unua lernejo en Bavarujo!)*. La nombro de la lernantoj en la kursoj estis *120*. Per tio ni ankaŭ gajnis la lernejestron kiel prezidanton.

« La eldono de gvidlibro estis prokrastita, sed gvidfolio estas en preparo. Estis varbitaj du Esp. hoteloj.

« Per senlaca laboro nun estas metata bonega fundamento, por nia afero; la sukceso sekvos baldaŭ kaj mi scias — jam hodiaŭ — ke U. E. A. havas en Augsburg influan subtenon. » W. B.

Ni gratulas nian Del. pro la bonegaj rezultatoj de li atingitaj kaj ni tre esperas, ke ĉiuj niaj Del. bonvolos uzi kiel imitindan modelon por siaj semestraj raportoj la supre presitan raporton.

**Belgrad** (Serbujo). — Nur nun ekpenetras Esperanto en Serbujon. Nia tiea Subdel. jam komencis labori por U. E. A. kaj varbi al ĝi membrojn, tiel ke li tre baldaŭ fariĝis Del. Ankaŭ en aliaj serbaj urboj, oni povas rimarki ke komenciĝas Esp. movado.

**Bordeaux** Franc). — Ĉiuj samideanoj kiuj iros la Van Kongreson, estos kore akceptataj de la tiea delegito de U. E. A. Koniginte al li la horon de alveno, tiu ĉi ankaŭ estos staciĉdomo aŭ sendos — en okazo de neĉesto neantaŭvidita — anstataŭanto-esperantiston. Li povas okupiĝi pri luado de ĉambro aŭ hotelo se tiu restados en Bordeaux. Ĉar li forveturos al Barcelona nur la lastan tagon antaŭ malfermo de l'Kongreso li estos je dispono de ĉiuj samideanoj preskaŭ ĝis la lasta momento.

Li revenos, tuj, la lastan tagon de Kongreso al Bordeaux kaj tie ankoraŭ akceptos ĉiujn samideanojn kiuj deziros ĉeesti la grandegan manifestacion « Festo pri Vinberrikolto » pri kiu la legantoj de « Esperanto » jam legis artikolon. Jen kelkaj informoj pluaj pri tiu festo: Ĉar ĝis nun oni ne konstruis tiel grandegan teatron por tia festo, speciala komisio urbestrara devos antaŭ komenciĝo de l'festoj, atestpermesi ke publiko povos eniri ĝin.

La trabaro laŭ triangula formo ripozos sur tero per 900 fostoj. La ligno bezonata por plankoj ŝtuparoj, bariloj, benkoj k. t. p. prezentas kubon da 2.000 metroj kiu devigos dishaki grandan arbaron. 25 000 boltoj estos necesaj por certigi la firman fortikecon de l'teatro. La longo de l'benkoj estas 12 kilometrojn 500 kaj la loko okupata de l'scenejo kaj amfiteatraj gradoj, ne parolante pri anekŝajoj, estos 16.000 metrojn kvadratajn. La barilo ekstera ĉirkaŭanta la tutan placon « Quinconces » havos 1.500 metrojn da longo; 12 pordojn enirejajn por publiko; 40 giĉetojn por biletoj, pordojn elirejajn kaj por servistaro.

La 25.000 sidlokoj estos numerumitaj kaj de la 1a de Aŭgusto oni povos antaŭmendi la biletojn: prezoj de 20 fr. ĝis 2 fr.

La prezentado estos ludata de geartistoj famkonataj: Smo Litvinne el Opero; Sa Muratoze el Opero; Fino Chenal Operc-Komika; Fino Regina Badet; k. t. p. k. t. p. La poemo lirika, triakta: « Bacchus Triomphant », speciale verkita por la festo estas de Sa H. Cain pri paroloj kaj Sa C. Erlanger pri muziko.

La dekoracio prezentos reigaĵon de l'muroj antikvaj de Burdigala je l'epoko galla-roma.

La samideanoj kiuj kuniĝos al 100 000 fremduloj dum la 11a, 12a, 13a de Septembro certe taŭge agos kaj tra tuta Eŭropo proklamos poste la famecon de niaj vinoj.

Pluajn informojn, petu de Ch. Brunet, Del.

**Grenoble** (Francujo). — La Esp. grupo (Esp-ia entrepreno) eldonis gvidfolion senditan al ĉiuj D. de U. E. A. por ke ili ĝin konigu al la anoj de siaj urboj. Por plifaciligi nian propagandon, ĉiuj esp istoj dezirantaj informojn pri Grenoble bonvolu, per esp. skribita poŝtkarto, peti de la Syndicat d'Initiative — 2, rue Montorge — tiun gvidfolion, aŭ letere (poŝtmarko por la respondo) unu el la eldonitaj gvidlibroj, france, angle, germane, itale. Ankaŭ ĉiuj loĝontoj en Grenoble, petu de la D. la adreson de hotelo

Esperantiaj Studentoj. — En Grenoble la plej grava provinca Fakultato por la fremduloj, kie ĉiujare pli ol 600 el ili, allogataj ankaŭ de la mirinda monta ĉirkaŭaĵo, sekvas specialajn kursojn, U. E. A. havas tute organizitajn servojn. La interesatoj bonvolu sin turni al la Delegito por junuloj: So Besson, — en l'hôtel de Ville, service de la voirie — kiu donos ĉiujn informojn pri la kursoj k. t. p.

**London** (Anglujo). — Dank'al nia agema Del., S-ro Kaliski, kiel ni diris en nia antaŭlasta No la tutmonde konata vojaĝentejo *Cook* aliĝis kiel esperantia entrepreno. Memkompreneble ĉi tio estas grava sukceso por nia Asocio. Oni esperas ankaŭ atingi la aliĝon de gravaj aliaj Londonaj firmoj kaj institucioj.

**Lyon** (Francujo). — S-ro Jabeuf, Del. en Lyon, sendas al ni la jenan alvokon:

« Lastan jaron, dek Lyon'anoj partoprenis la karavanon de U. E. A. al la kongresurbo. Neniu el ni forgesos la agrablajn kaj gajajn 5 tagojn, kiujn ni pasigis kune. Precipe ni memoras la afablan akcepton, kiun faris al ni la Gesamideanoj en Praha. Restas al ni plezuriga ŝuldo de dankemeco. Nun ni fidas al S-ro Schmid (Esperantio, Bern, Svislando), la paŝtisto, kiu promesis al ni konduki multajn vojaĝantajn ŝafojn en nian urbon. S-ro Schmid jam informis nin, ke 2 karavanoj haltos en Lyon. Ni instigas ĉiujn Gesamideanojn partopreni ilin aŭ ilin trafi en Lyon. Tion farante, ili povos ĝui la akcepton kaj la viziton de la urbo, kiun ni de nun preparas. Por ĉiu kunvojaĝanto de U. E. A., ni antaŭe luprenos ĉambron en hotelo je la difinita prezo; li nun bezonos skribi al ni: kiam li alvenos kaj kiom da tempo li intencas resti, sendante per internacia poŝtmandato la monon necesan (de 0 Sm. 80 ĝis 3 Sm; sufiĉe komforte je 1 Sm. 20) Saman servon ni faros al ĉiu alia Samideano vojaĝanta aparte. Oni nepre devas nin informi 5 tagojn antaŭ ol alveni. Sufiĉe malkaran (proksimuma 0 Sm. 80) manĝon ni prepariĝos en plej nova kaj luksa bierejo.

Ĉiu esperantisto anoncinta sian alvenon estas atendata en Ĉefstacidomo Perrache (norda elirejo « sortie nord ») de almenaŭ unu Lyon'a Esperantisto tenanta la flagon kiu lin kondukos al la hotelo. Poste ni travizitos la urbon: Placo Bellecour (la plej vasta en Eŭropo), ĉefpreĝejo St-Jean, monteto Fourvière kaj la 3 preĝejoj en Fourvière (la dua inter la plej famaj pilgrimejoj en Francujo) belega ampleksa vidaĵo sur la tuta urbo) la kajoj de Rhône kaj Saône, la granda Parko, la urbodomo (Akcepto de la urbestro), la Preĝejoj St-Nizier kaj St-Bonaventure, la Muzeo de l'belartoj kaj tiu de l'silkaj teksaĵoj (apartaj produktaĵoj de Lyon); vespera gardenfesto (lunlumo, artfajraĵoj) Kleraj geesperantistoj donos detalajn klarigojn pri ĉiuj monumentoj. Ni nun petas, ke oni avizu nin antaŭ la 26a de Aŭgusto, por ke ni konu la nombron de niaj vizitontoj. Do skribu plej baldaŭ al S-ro M. Jabœuf, U. E. A. deleg. 11, Rue Centrale, Lyon.

Karaj Gesamideanoj, ni deziras al vi koregan bonvenon en Lyon.

Vivu Schmid! Vivu U. E. A.! Vivu Esperanto!

**Marseille** (Francujo). — La Marseille'a grupo havos la plezuron akcepti la 1an de Sept. la Esperantian karavanon venantan de Germanujo kaj irantan al Barcelono. La grupo aranĝis por la 2a vizitadon de Marseille en speciala tramveturilo kaj vespermanĝon sekvotan de kunveno kaj koncerto. Ni estus tre feliĉaj, se aliaj gesamideanoj kuniĝus kun niaj vizitontoj en tiu tago. Oni informu nin pri tio kaj sin turnu, por anonci alvenon, partoprenon je l'vizitado de la urbo (kosto 0,80 Sm) kaj je l'vespermanĝo (1,60 Sm) al S-ro Lorin, 18, rue Vacon, Marseille.

La Del.

**Magdeburg** (Germanujo). — La Grupo de ĉi tiu urbo aliĝis kiel Esperantia Asocio kaj per tio centro da membroj fariĝis Esperantianoj. La nombro de la Esperantiaj Asocioj ĝojige pligrandiĝas: tio pruvas, ke tiu institucio respondas veran bezonon.

**Poix** (Francujo). — S-ro Bouvier, Subdel., kaj la tieaj Esperantianoj akceptos tutkore kaj gasteme la kongresanojn irontajn biciklete aŭ aŭtomobile Barcelonon tra Calais, Boulogne, Paris. La urbeto Poix kuŝas sur la mezo de la vojo al Boulogne ĝis Paris. Oni bonvolu informi la Subdel. pri la tago de trapaso.

**Rotterdam** (Holando). — La grupo de ĉi tiu urbo eldonis Esperantogvidilon, kiu krom detalaj informoj por viziti Rotterdam'on, ĝian havenon kaj ĝiajn vidindaĵojn enhavas du belajn planojn de la urbo. En tiu grava loko ĉiuj Esperantiaj servoj estas organizitaj.

**St-Gravenhague** (Holando). — La Del., S-ro Knegt, faris kaj eldonis en holanda lingvo resumon de nia propagandilo, kiun li disdonas por konigi nian Asocion. Ni tutkore dankas pro lia utila iniciato.

**Thalwil** (Svisujo). — S-ro E. Hiltebrand Subdel., verkis bonan artikolon pri U. E. A. en la loka gazeto kaj sekve de ĝi prosperis akiri kurson por komencantoj. La Esp. movado alradikiĝos baldaŭ en la multepopolaj kaj industriaj vilaĝoj, kiuj ĉirkaŭas la Zuriĥan lagon.

**Vienne** (Francujo). — Ĉe la Kongreso de la Rodano Esp. Federacio S-ro Drudin en sia raporto tre favore aludis U. E. A. Jen ekstrakto de ĝi:

« Tiu Asocio, speco de internacia Turing-Klubo, disvastiĝa super la tuta mondo, estis se ne kreita, almenaŭ aparte konigita de la Burgonia federacio. Ĝiaj membroj (Esp ianoj) jam ne povas kalkuli la sennombrajn profitojn, kiujn havigas al ili ĝiaj multaj servoj; kvankam ĝi ne estas pure propaganda societo, U. E. A. ne direkte helpas al tio, ke ĝi konigas nian karan lingvon al ĉiuj landanoj per la rilatoj kaj informoj, kiujn ĝi ĉiutage liveras dank'al Esperanto.

« En nia regiono, U. E. A. estas reprezentata per 7 Del., 5 Vicdel., 5 Subdel., 3 Esp-Oficejoj, 3 Konsuloj por Komerco, 5 Konsuloj kaj 4 Konsuloj por Junuloj. Krom tio, 4 gvidlibroj estis eldonitaj.

« Ni tre instigas ĉiujn federitajn grupojn, kiel la favoru tiujn kreaĵojn tiel utilajn al la plifaciligo de la rilatoj internaciaj kaj per ĉi tio mem al Esperanto. »

# ESPERANTIA VIVO

En ĉi tiu rubriko ni konigos ĉiujn informojn, kiuj povas interesi Esperantianojn, plimultigi la ligilojn inter ili kaj plifaciligi ilian interrilatadon, kiel anoncoj pri naskiĝoj, edziĝoj, mortoj, translokiĝoj, libertempoj, vojaĝoj. Ni petas ĉiujn niajn membrojn, ke ili bonvolu nin kunlabori al ĉi tiu rubriko, kiu memkompreneble estas tute senpaga.

*Mortoj:*

Kun granda malĝojo ni sciigas al niaj samideanoj, ke nia amiko S-ro D. Ogojanov, Espiano 49726-3, mortis la 4 Julio en *Vratza*. Li estis tre fervora kunbatalanto por Esperanto kaj aparte por la fondigo de l'Esp-grupo en Vratzo.

*Translokiĝoj:*

S-ro Krestanof. Del. U. E. A., ĝis nun loĝinte en Sofia, denove lokiĝas en *Pirdop* kaj pro multaj kaŭzoj ĉesas korespondi.

S-ro Evskfeieff, Esp-iano loĝas nun en *Sofia* (poŝto restanta)

D-ro Robin, Del. en *Varsovio*, loĝas nun Chmielna, 31.

*Libertempoj:*

S-ro Schmid, komitatano E. E. A., libertempas en *Le Havre* (Franc.), 24, rue Emile-Zola.

S-ro Jean Borel, Esp-iano el Berlin, libertempas en *Couvet* (Neuchatela lago Svis).

*S-ro Cazeaux*, helpkomitatano, libertempas en Cap Ferret (Gironde, Franc.).

*Vojaĝoj:*

S-ro Lipski. Esp-iano el *Lodz*, veturis tra Eŭropo per E. E. A. kaj vizitas nun Genevon.

S-ro Pihaĉev, Esp-iano el *Moskvo*, stud, sendas sian sinceran dankon al ĉiuj samideanoj, kiuj tiel multe helpis al li, en lia vojaĝo tra Eŭropo. Li vojaĝis sen scio de lia alilanda lingvo, krom la gepatra, kaj « Esperanto ». Ĉiam kaj ĉie li renkontis afablan akcepton kaj vizitis Aŭstrujon, Svisujon, Italujon, Francujon, Anglujon kaj Germanujon.

# Esperantia Parolejo

**Rimedo por esperanta propagando inter la popolamaso**

La popolamaso ĝenerale ne konas ankoraŭ la ekziston de Esperanto kaj ĝian signifon. La plej simpla vojo instrui tiun amason pri nia lingvo estas la kinematografo, kiu nuntempe ludas grandan rolon ĉie, en ĉiu urbo kaj lando. Kelkaj bildoj en kinematografaj prezentejoj pri Esperanto kaj ĝiaj kongresoj, disvastigitaj preskaŭ en ĉiuj landoj kaj ĉe ĉiuj nacioj de la mondo faros tiel grandan propagandon, ke Esperanto ne plu estos litero morta aŭ tero nekonata por la granda maso, sed io, kio jam ekzistas kaj prosperas kaj io, kion ili vidis eĉ en kinematografo, sekve tre kaj gusta.

Mi do proponas por la Barcelona Kongreso; 1) Interrilati kun la « Societo Kinematografa », fotografi preskaŭ ĉiujn bildojn k. t. p. dum nia Kongreso en Barcelono, oni povas ekzemple fotografi la kongresanojn de 30-40 reprezentoj de diversaj nacioj kaj ĉiu persono portos sur sia *brusto* bandon kun surskribo de la nacio, aŭ ĉiu persono estos vestita en sia nacia kostumo.

La tuta kongreso kaj la tuta movado, la floraj ludoj, teatraĵoj, la alveno kaj la forveturo de diversnaciaj samideanoj, samtempe la vidindaĵoj vizititaj de kongresanoj, la parolado k. t. p. estas objektoj indaj esti montritaj en kinematografa prezentejo kaj ekscitos ĝeneralan intereson. La fakto per ĝi mem, ke le malproksime kunvenis homoj de ĉiuj partoj de la mondo kaj parolas tie unu lingvon jam diros kaj klarigos al ili tre multe, des pli ke ili ja vidis ĝin per siaj okuloj.

La Societo Kinematografa komprenebie aranĝos la grupojn kaj pripensos eĉ ion tre interesan por beligi ĉion, ĉar ĝi estas la plej bona fakano kaj lerta en tiaj aferoj.

Koncerne la vendo de tiuj ĉi bildoj en la diversnaciaj kinematografaj prezentejoj, la « Societo » havos tre facilan taskon kaj ĝi estos certa pri la sukceso, ĉar ĉiu grupo esperantista en la tuta mondo jam zorgos pri la enkonduko de tiuj ĉi filmoj en la prezentejoj de sia urbo.

La sistemo profitigos ankoraŭ la grupojn, ĉar la Societo povos aldoni malgrandan alvokon (en naciaj lingvoj) kiel: « Povas ĉiu lerni Esperanton la internacian helplingvon k. t. p. (sekvos la adreso de la grupo aŭ de la lernejo, kiun la grupo povos posedi alskribi). Mi petas miajn samideanojn plibonigi laŭeble ĉi-tiun proponon kaj zorgi dum la Barcelona Kongreso, ke ĝi estu plenumita.

Inĝ. Hem. Julios Malarski, Ano de la Munhena kaj Frank furta Grupo, Esp iano.

# TRA LA GAZETARO

*Lingvo Internacia* (15 Julio, Th. Cart)

... Dum lingvo estas nur simpla projekto, dum oni ne fakte uzas ĝin aŭ ĝin nur uzas en malgranda rondeto kaj nenature, ĝiaj aŭtoroj kaj uzantoj povas ĝin modifi aŭ ŝanĝi laŭ nenatura vojo.

Sed kiam, kiel okazis por Esperanto, jam multaj diversnaciaj homoj uzas ĝin nature, kiam ĝi fariĝis « vivanta », aĝi kontraŭ ĝi per nenatura vojo estas vere voli ĝian morton.

Ni do konsideru Esperanton, kiel ni konsideras alian vivantan lingvon, kun sama respekto kaj modesteco, sciante, ke la leĝo de analogio, kiu estas la lingva logiko, agos tie kvazaŭ *aŭtomate*, kiel ĝi agas en aliaj lingvoj, kiuj ĉiuj iras al plisimpligo.

Ni nur havu fidon en la vivo, kaj nia ĉefa zorgo estu ne « plibonigi » la lingvon, sed ĝin ĉiam pli kaj pli vivigi.

.:.

Oni diras: « Rigardu eksteren! La sciencoj ne venos al ni, se ni ne plibonigos la lingvon! »

La Idistoj laboris por ĝin plibonigi. Ĉu la sciencoj aŭskultis ilian alvokon? Ne!... Aŭ, se ili ĝin aŭskultis ili nur venis por ree reformi kaj rereformi!

Dio nin gardu kontraŭ tiaj « amikoj »!

La praktikaj sciencoj akceptos nian lingvon tian, kia ĝi estas (1). La aliaj ne bezonas internacian lingvon.

Sed tion, ni diru kaj laŭte, laŭtege ripetu: ne pli por la sciencoj ol por la poetoj *speciale* oni kreis internacian lingvon, sed *precipe* por la popolo!

Por veni al ni la popolo ne bezonas, ne volas reformojn: ĝi postulas nur lingvan firmecon!

La « Tuto de l'Mondo » ne im ĝas en la Akademioj. Certe grava por ni estas la apogo de la Akademioj. Certe grava por ni estas la apogo de la Akademioj, kiuj agas sur la registarojn, kaj ni ŝuldas dankon, sinceran dankon, al tiuj, kiuj nin helpas en tiuj apartaj rondoj, sed la vera kampo de Esperanto estas la mezinstruitaj klasoj de la societo, la agema popolo.

Ni nur iru al ĝi kun nia Zamenhofa Esperanto!

.:.

Ĉu tiu konstato plaĉas aŭ ne, la uzado, la uzado sola, fine venkos en Esperanto, kiel en ĉiuj lingvoj, ĉar la diferenco inter nia lingvo kaj aliaj, sub pretekstо, ke ne ekzistas esperantista popolo loĝanta en unu lando, estas nur ŝajna. Ĉiuj niaj lingvoj efektive evoluas nun preskaŭ nur per la skribita lingvo, kaj la nia ekzistas skribe absolute same kiel la ceteraj.

La uzado regas! Sed la uzado dependas precipe de la modeloj (ne de la vortaroj), kiujn donas al ni la plej bonaj, la plej produktemaj verkistoj.

Ni do skribu kiel eble plej korekte, plej klasike; ni montru kaj rekomendu al la publiko la plej imitindajn verkojn kaj verkistojn, ni ne per disertacioj sed per ekzemploj. Kaj tiamaniere, konsiderante lingvon kiel lingvon kaj ne kiel pure sciencan problemon, per samtempe severa kaj liberala metodo, ni helpos al la normala evoluado de la lingvo, kiun devas certigi nia Akademio.

Th. Cart.

# Internacia Instituto de Esperanto

Ĝis nun la jenaj personoj sukcese plenumis la ekzamenojn de la Instituto de Esperanto:

Ia Ekzameno:

| | |
|---|---|
| Max Butin | Bad Godesberg |
| C. Schriewer | Morésnet |
| S-ino Taschinski | Danzig |
| E. Léval | Unieux (France) |
| D. Talens | Carcagente |
| D-ro Fiŝer | Fiflis |
| St. Klečinski | Szepetowka (Volh.) |
| F. Seligman | Mulhausen |
| J. Belenguer | Ferael |

IIa Ekzameno:

| | |
|---|---|
| Max Butin | Bad Godesberg |
| P. Kastner | Thüringen |
| J. A. Hodges | Nottingham |
| Fino Schmidheim | Genevo |

Por ĉiuj informoj pri la Instituto, kondiĉoj de la ekzamenoj, k. a., sin turni al la sekretariejo, 19, Pont d'Arve, Genève (Svis).

(1) Tio kompreneble ne koncernas la teknikan vortaron, kiun ili faras mem.

# Kursoj en Barcelono

(*29an de Aŭgusto — 4an de Septembro*)

Dum ses tagoj okazos 4 kursoj ĉiumatene kaj 2 ĉiuvespere.

Entute 36 horoj La Karto por ĉeesti ĉiujn kursojn kostos Sm. 10.

Se iu deziras ĉeesti nur partoj de la Kursoj, li tamen devas aĉeti la plenan karton ĉar detalajn biletojn la Instituto ne vendos.

**Programo de l'Kursoj:**

So Profesoro Th. Cart, prezidanto de l'S. F. P. E. kaj de la Pariza Societo por Lingvoscienco, faros ĉiutagan kurson pri *Lingvistikaj demandoj* (la Vivo de la lingvoj, Esperanto kaj la Indo-Eŭropaj lingvoj, Esperanto kaj la Naciaj lingvoj, Logiko kaj Analogio, la garantiantoj de l'progreso kaj unueco en la lingvoj, la estonteco de Esperanto).

So Hector Hodler, ĉefredaktoro de Esperanto, vic-prezidanto de U. E. A., faros ĉiutagan kurson pri *Historio kaj organizadoj de Esperantismo, Socia signifo de Esperantismo.*

So Fred Pujula organizanto de l'Barcelona Kongreso, kaj ankoraŭ ne elektita kastilana samideano faros kurson pri *Hispanaj kutimoj kaj arto.*

So Edmond Privat, prezidanto de l'Instituto, faros ĉiutagajn lecionojn pri *Instruaj metodoj, Esperantaj Parolarto kaj Deklamado, Stilo kaj sintakso.*

Posttagmeze okazos komunaj vizitoj de l'urbo Barcelono aŭ ekzercaj laboroj, laŭ organizotaj sekcioj (vidu la ĉefartikolon sur paĝo 1a).

Ĉiam kaj ĉie oni parolos Esperante.

*Komfortan loĝadon kaj aranĝadon* la kursanoj povos ricevi pagante Sm. 20 por la semajno. La personoj, kiuj intencas ĉeesti tiun kursan semajnon, estas petataj sendi sian enskribon antaŭ la 10a de Aŭgusto. Se ili samtempe sendas la monon por loĝado, la Instituto zorgos havigi al ili ĉambron en sama hotelo kun la ceteraj kursanoj de l'Instituto.

Por ĉiuj sciigoj oni sin turnu al la Direkcio: 19, Pont d'Arve, Genevo.


# ANONCETOJ

TARIFO

**Korespondado.** — *Unu enskribiĝo Sm 0.30 (fr. 0.75). Rabato da 25 0/0 por 6 enpresoj, kaj (50 0/0 por 12 enpresoj. — PI = poŝkarto ilustritaj; L = leteroj; PM = poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj: Sm 0.10 (fr. 0.25). Rabato da 25 0/0 por 6 enpresoj kaj 50 0/0 por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anoncon.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Aĝentoj aŭ Esperanto Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

FUNCHAL (Madera). — Rua da Aehada 22, S-ro Heciodoro H Jozé de Soura.

FOURNUS (Saône-et-Loire, Francujo). — S-ro Humbert. P. I. (Kun froculinoj).

VARSOVIO (Rusujo-Polujo). — S-ra Ujazdowska, 6, S-ro F. J. Sandecki. P. I.

PRAHA-KARLIN (Bohemujo-Aŭstrujo). — Vitkrova ul, S-ro Hugo Voršilák. P. I.

SLUCK (Rusujo, Minsk. g.). — S-ro A. S. Juhnevič. P. I. P. M.

SAUTA ROZA (California, U. S. A.). — S-ro Guy Z. Griffith. P. I. naj L.

JARVORNIK POLSKI (via Przeworsk) Aŭstrujo, Galicio). — S-ro Jako'b Makara. P. I., L.

SAN GERVASIO (Barcelona, Hispanujo). — Strato San Felipe No 50, S-ro Jaime Argan. P. I.

WEIMAR (Germanujo). — Herthstrato 25, S-ro Paul Frogerz. P. I.

BODENBACH (Bohemujo). — Obergrund, S-ro M. Schvenherr, fus Tojoficisto. P. I. L.

LONDON (Anglujo). — The Rondo Agency, 87, Finsburg Pavement, S-ro Henry Cole Willnott. P. I.

## Petoj kaj Proponoj

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare-volu sin turni laŭ adreso: S-ro Vladimir Krajev, Tchernjaevskaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Ilustritan poŝtkarton** de Wien ricevas ĉiu sendinto de 10 malsamaj p.-markoj sialandaj, de S-ro J. Weselik, prov. oficisso, Wien I, Lorvelstr. 14, Austrujo.

